# REGo

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

***komuna eldono de REU kaj REJM*** ***№ 1 (8) januaro 2002***

REK - 21

*en la numero:*



***Moskvo, 2002***

# *Atingoj de la Jaro en Rusia Esperanto-movado*



**Rusia Esperantisto – 2001:**

*1. Garik Kokolija*

*2. Irina Gonĉarova*

*3. Oleg Izjumenko*

**Kantisto – 2001:** ***Marija Koĉetkova***



**Aranĝo – 2001:** ***REK-EoLA***




**Poeto – 2001:** ***Grigorij Arosev***



**Esperantaĵo – 2001:** ***"Oraj kantoj"***



# 21-a RUSIA ESPERANTISTA KONGRESO




**Loko –** antikva rusia urbo Kostroma, la bazejo "Berjozovaja roŝĉa".

**Dato –** de la 12-a ĝis la 16-a de decembro 2001.

**Partoprenantoj –** Grigorij Arosev (Moskvo), Valerij Ĉerepanov (Moskvo), Onjo Ĉerniŝova (Moskvo), Oĉjo Dadaev (Moskvo), Svetlana Ejst (Sankt-Peterburgo), Anatolo Gonĉarov (Sankt-Peterburgo), Irina Gonĉarova (Odincovo), Natalja Grigorjevskaja (Ivanovo), Andrej Grigorjevskij (Ivanovo), Nikolao Gudskov (Moskvo), Natalja Guseva (Sankt-Peterburgo), Olga Isaeva (Kostroma), Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburgo), Jurij Karcev (Uljanovsk), Jelena Katajeva (Tomsk), Marija Koĉetkova (Ivanovo), Garik Kokolija (Moskvo), Anna Kolomijec (Kostroma), Pavel Korotenko (Moskvo), Aleksej Kuznecov (Kostroma), Vitalij Privalov (Kostroma), Valentina Rjabĉun (Taŝkento), Rimma Roganova (Ĉusovoj), Natalja Skvorcova (Sankt-Peterburgo), Evelina Sokolova (Krasnojarsk), Svetlana Sorokina (Kostroma), Vladimir Sudakov (Primorskij reg.), Larisa Ŝapoŝnikova (Arĥangelsk), Uljana Ŝmarova (Kostroma), Ljubovj Ŝuenkova (Kostroma), Lidija Vasilenko (Moskvo), Aleksandr Volkov (Ivanovo), Pavel Volkov (Ivanovo), Wang Huai Yu (Soĉi).

Mi speciale prezentas ĉiujn partoprenintojn de la Kongreso, ĉar simpla mencio, ke en REK partoprenis 34 personoj, ne donas adekvatan imagon pri ĝia alta lingva kaj movada nivelo, pri ĝia vasta reprezentanteco – de Primorskij regiono kaj Taŝkento ĝis Sankt-Peterburgo. Kaj nur vidinte la kongresanan liston eblas kompreni, ke ĝuste tiu ĉi kompanio estas ege konvena por pridiskuti la antaŭajn atingojn de nia movado, paroli pri ĝia nuna stato kaj plani estontan agadon. Ja ĝuste ĉio ĉi estis ĉefa celo de la Kongreso. Kaj pri tio, ke ĉio okazis senescepte en Esperanto, ne indas eĉ mencii – kun tia konsisto tio ĉi estas evidenta.

Ĉi-foje REK estis kombinita kun AntaŭKongresa Seminario (AKSo), kiu okazis samloke ekde la 09-a ĝis la 12-a de decembro. La seminario konsistis el tri ĉefaj partoj:

1. Praktika kurso pri ekspresa E-instruado (gvidis Irina Gonĉarova).
2. Programo pri E-kulturo kaj historio (Nikolao Gudskov).
3. Kurso "Kiel krei efikan klubon" (Anatolo Gonĉarov, Andrej Grigorjevskij).

Ĉiuj gvidantoj tre prepariĝis al la seminario, dank' al tio kaj entuziasmo de la aŭskultantoj ĉuj tri kursoj pasis interese kaj fruktodone. Krome dum AKSo (kaj poste dum REK) kelkfoje okazis tre interesaj lingvaj ludoj kaj kvizoj pri la lingvo, movado kaj historio.

**REZOLUCIO**

La 21-a Rusia Esperantista Kongreso, okazinta en la urbo Kostroma 12-16.12.2001, atentigas rusiajn esperantistojn, ke por plua progreso de E-movado en nia lando necesas zorgi unuavice pri

1. plialtigo de la nivelo de E-instruado, profesiigo de la instruistoj per organizado de specialaj seminarioj por ili, preparo de metodikaj helpiloj;
2. plialtigo de lingvodisciplino en la kluboj kaj dum aranĝoj, unuavice per konsciigo de nepra bezono de ĝi al spertaj kaj aktivaj esperantistoj;
3. kreo de komuna kohera plano de ĉiuj landaj aranĝoj, organizataj de REU, REJM kaj aliaj tutlandaj, regionaj kaj lokaj E-organizoj.



*la prezidio dum la solena inaŭguro*

Kaj la 12-an per la solena inaŭguro komenciĝis la Kongreso mem. Kiel evidentiĝis, tiu ĉi bazejo en Kostroma estis vere taŭga por tiaspecaj aranĝoj, kia estas REK. “Berjozovaja roŝĉa” disponigis al ni tre bonajn kondiĉojn por loĝado kaj manĝado, krome ĝi havis kelkajn diversajn ejojn por la kunsidoj, prelegoj kaj koncertoj.

Dum la Kongreso okazis REU-forumo, kelkaj diskutrondoj, prelegoj (“Konfliktoj en Esperantujo”, “Esperanto kaj Interreto” k.a.), seminario pri kreado de TTT-paĝaroj, kiun preparis kaj gvidis Slavik Ivanov.

Speciala tago estis dediĉita al Kostroma. Matene la kongresanoj aŭskultis rakonton pri la urbo, ilustritan per lumbildoj. Kaj poste ĉiuj iris al ekskurso tra la urbocentro kaj Ipatjevskij klostro. Ĉiujn kongresanojn vere ravis la mirinda urbo Kostroma. Ambaŭ eroj, la rakonto kaj la ekskurso estis zorge preparitaj en Esperanto far membroj de la klubo en Kostroma. Ĝenerale necesas noti, ke la kostromanoj vere faris grandan laboron por prepari kaj okazigi la Kongreson. Tiu ĉi laboro kaj kelktaga komunikado kun la kongresanoj estis vere utila ankaŭ por la lokaj klubanoj mem, ĉar plejparto de ili estas komencantoj, sed tre kapablaj kaj jam parolantaj Esperante. Pro la organizado de tiu ĉi Kongreso REU-Estraro subteninta de ĉiuj kongresanoj premiis la E-klubon de Kostroma per senpaga membreco en REU por 2002.



*la kostromanoj salutas la gastojn per kanto*

Unu el ĉefaj eroj de la Kongreso iĝis voĉdonado pri Atingoj de la Jaro en Rusio. Laŭ la anticipe kolektitaj enketiloj (kiujn povis sendi ĉiuj dezirantoj) REU-Estraro preparis la listojn de kandidatoj por ĉiuj nomumoj de Atingoj de Rusia E-movado en 2001. En la Kongreso okazis speciala vespero, dum kiu la estraranoj kaj aliaj kompetentuloj rakontis al la kongresanoj pri ĉiuj kandidatoj en la listoj. Tiamaniere estis prezentitaj 13 kandidatoj por la titolo “Rusia Esperantisto – 2001” (personoj kaj duopoj, kies poresperanta agado estis en 2001 la plej imitinda), 12 kandidatoj – por la titolo “Esperantaĵo – 2001”, po 4 pretendantoj por la titoloj “Kantisto – 2001” kaj “Poeto – 2001” kaj 6 kandidatoj por la titolo “Aranĝo – 2001” (listojn de la kandidatoj, kiuj eventuale estas interesaj por la vasta publiko, vi povas vidi fine de tiu ĉi raporto). Kaj post la prezento okazis voĉdonado de ĉiuj kongresanoj pri la Atingoj de la Jaro. Pri la gajnintaj personoj kaj objektoj vi povas ekscii el la 2-a kovrilpaĝo de tiu ĉi REGo. Indas nur aldoni, ke ĉiuj, kiuj okupis unuajn lokojn, kolektis signife pli da voĉoj ol aliaj kandidatoj;

sola escepto estis kategorio “Poeto – 2001”, en kiu kun la gajninto streĉe konkurencis Mikaelo Bronŝtejn.

Kaj sekvatage, la 15-an de decembro estis Zamenhof-tago, kiu samtempe estas Tago de E-libro. Dum la tago estis du ĉefaj programeroj, dediĉitaj al tiu ĉi evento. Tage okazis prezento de E-libroj kaj aliaj esperantaĵoj, aperintaj en Rusio dum la jaro. La plej grandan intereson elvokis la diskoj: du muzikaj diskoj “Oraj kantoj” kaj komputila disko “Esperanto XXI: rezultoj de la 2001-a jaro”, kiu bedaŭrinde ne sukcesis esti finpreparita al la Kongreso kaj tial ne estis kandidatigita por la titolo “Esperantaĵo – 2001”. Pri ĉiuj tiuj diskoj vi povas pli detale ekscii en la parto LIBRA REVUO de tiu ĉi REGo.



*Evelina Sokolova*

Alia aranĝo, dediĉita al Zamenhof-tago, estis solena komuna vespermanĝo de la kongresanoj, dum kiu estis anoncitaj la rezultoj de voĉdonado pri la Atingoj de la Jaro. Krome dum la vespermanĝo estis anoncita la jarfina rezulto de RoKo (Ranglisto Kluba), kiun lanĉis kaj dum la jaro aktualigis REU. Pri la plej sukcesaj laŭ RoKo kluboj vi povas ekscii en la Bulteno de REU.



*Paŝa Korotenko*

Ĉefan parton de kultura programo de la Kongreso konsistigis ĉarmaj vesperaj koncertoj de Evelina Sokolova, Marija Koĉetkova, Pavel Korotenko kun Grigorij Arosev. La koncertoj okazis en malgranda salono, la etoso estis tre intima kaj taŭga por tiaspecaj koncertoj, tial ili fariĝis vere ĉarmaj kaj neforgeseblaj por ĉiuj spektantoj. Pri la koncertoj de Maŝa kaj Evelina oni anoncis anticipe, la koncerto de Paŝa kaj Griŝa estis agrabla surprizo por la kongresanoj, ĉar la talenta kaj bone konata Paŝa Korotenko ne aperis en niaj aranĝoj dum kelkaj lastaj jaroj. Alia surprizo de la sama vespero estis la kanto, verkita kaj plenumita de Jura Karcev kaj Griŝa Arosev. Kredu min, Jura kantanta kun la gitaro en la manoj estas io unika kaj spektinda. La apuda foto nur parte transdonas tiun fortan impreson.

Sekvatage, post la pridiskuto de kongresaj rezultoj kaj la solena fermo, la Kongreso finiĝis. Sed mi esperas, ke la rezultoj de tieaj diskutoj kaj laboroj signife influos la movadon en nia lando dum proksima estonto.

***Garik Kokolija (Moskvo)***



*kantas Griŝa Arosev kaj Jura Karcev*

***Suplemento.*** La kandidataj listoj por la voĉdono pri Atingoj de la Jaro en Rusia E-movado.

**1. Rusia Esperantisto – 2001.**

Grigorij Arosev + Jelena Katajeva
Oleg Ciganov + Svetlana Ejst
Irina Gonĉarova
Halina Gorecka + Aleksander Korĵenkov
Natalja Grigorjevskaja
Andrej Grigorjevskij
Nikolao Gudskov
Oleg Izjumenko
Jurij Karcev
Anastasija Koĵevnikova + Ksenija Koĵevnikova
Garik Kokolija
Sonjo Ŝejnina
Aleksandr Titajev

**2. Esperantaĵo – 2001**

G.Arosev. ".RU"
I.Brodskij. "De nenie kun amo"
J.Cabell. "Jurgen"
L.Carroll. "Trans la spegulo"
N.Gogol. "Malvivaj animoj" (tr.V.Viĉegĵanin)
A.Grigorjevskij. "Полное описание и учебный словарь эсперанто"
N.Gudskov. "Lerna vortaro"
H.Harrison. "La kaptita Universo" (tr.A.Grigorjevskij)
M.Koĉetkova. "Vento" (kasedo)
I.Nemere. "Vizito sur la Teron"
"Oraj kantoj" (diskoj)
S. Pokrovskij. Diversaj verkoj

**3. Kantisto – 2001**

Mikaelo Bronŝtejn
Marija Koĉetkova
Mikaelo Povorin
Evelina Sokolova

**4. Poeto – 2001**

Grigorij Arosev
Mikaelo Bronŝtejn
Klara Ilutoviĉ
Mikaelo Ŝĉerbinin

**5. Aranĝo – 2001**

REK-EoLA
Antikvaj civilizoj: Oriento
IvERo-2
OrSEJT-33
OkSEJT-41
StRIGo



*amika rondo post la solena vespermanĝo*

La tradicia festivalo **EoLA-14 (Esperanto – Lingvo Arta)** okazos 28.02-03.03.2002 apud Ĉeboksari, en la sama preventorio "Ĉajka", kie en 1993 jam okazis EoLA-5. Ĉiujn detalojn eblas ekscii en la retpaĝo <http://www.eola-14.by.ru>. Kontakti la organizantojn kaj aliĝi eblas laŭ la adreso ***428024, Ĉeboksari, p/k 35;*** rete <eola2002@land.ru>.

***

Itala Esperantista Junularo invitas vin al sia tradicia jara renkontiĝo **Internacia Junulara Festivalo (IJF),** kiu okazos de la 27-a de marto ĝis la 2-a de aprilo 2002 en Fenestrelle (Torino), nordokcidenta Italio. La temo estos "Integriĝo de minoritatoj en Eŭropo de €". Aliĝu ĉe <http://www.esperanto.it/iej/ijf/2002/>. *(TEJO-aktuale)*

***

La **79-a Germana Esperanto-Kongreso** okazos 17-20.04.2002 en Husun, norda Germanio. La temo de la aranĝo estas "Lingvo kaj Naturo". En la aranĝo partoprenos specialaj gastoj Osmo Buller, eksa ĝenerala direktoro de UEA, kaj Gerrit Berveling, redaktoro de Fonto. La partoprenontoj ĝuos interesajn prelegojn, amuzajn programojn kaj belajn ekskursojn. Pliaj informoj kaj kontakto ĉe ***Esperanto-Nord, Am Ostersielzug 6, DE-25840 Friedrichstadt, Germanio;*** rete <79.gek@web.de>. *(Eventoj)*

***

La **3-a Eŭropa Medicina Esperanto-Kongreso** okazos 18-26.08.2002 en Budapest kaj Hódmezővásárhely, Hungario. La aranĝo havos tri ĉeftemojn: preventado, restarigo, Yumeiho-terapio. Kun la kongreso okazos la ĝenerala kunveno de Yumeiho-kuracistoj. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe ***Katalin Farago, p/k 89, HU-6801, Hódmezővásárhely, Hungario;*** rete <konyv@mail.hodtav.hu>. *(Eventoj)*

***

TEJO invitas vin al la **seminario "Aktiva civitaneco"** en Litovio, de la 10-a ĝis la 17-a de marto 2002. Parte teoria, pri demokratio kaj socia partopreno fare de civitanoj, parte praktika pri teama kunlaborado, interhoma komunikado kaj organizado de projektoj, la seminario strebos doni al partoprenantoj novajn ideojn kaj spertojn. Oni kompensos minimume 50% de la vojaĝkostoj. Aliĝu rapide, ĉar la lokoj estas limigitaj. Pliaj informoj ĉe <http://www.tejo.org/seminarioj/aktiva_civitaneco.jsp>. *(TEJO-aktuale)*

***

Kontenta pri la alta nivelo kaj bona organizo de la antaŭaj Kolokvoj pri Aplikado de Esperanto en Scienco kaj Tekniko, la Estraro de UEA asignis aŭspiciojn de UEA ankaŭ al la venonta okazigo de tiu tradicia aranĝo. **KAEST 2002** – la litero K ekde nun signifas Konferencon anstataŭ Kolokvo – okazos de la 8-a ĝis la 10-a de novembro 2002 en aŭ apud Prago. Ĝia ĉeftemo estos "Elektronikaj rimedoj". La tradiciaj temoj de la du aliaj sekcioj de la programo estos "Terminologiaj problemoj de apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko" kaj "Scienco kaj tekniko ĝenerale". Informojn oni povas peti ĉe Kava-Peĉ (Jarlibro de UEA 2001, p.143; retadreso <info@kava-pech.cz>, TTT-ejo <www.kava-pech.cz>). La aktoj de KAEST 1998 ("Modernaj rimedoj de komunikado") kaj KAEST 2000 ("Fakaj aplikoj de Esperanto") haveblas ĉe la Libroservo de UEA. *(Gazetaraj komunikoj de UEA, N-ro 143)*

## ĈU ETERNE MALTAŬGA DISPUTO?

*(lige kun la artikolo en REGo № 3(5), p.2-3)*

Nu jes, jam venis tempo por apero de tiu (aŭ simila) artikolo...

Dum la tuta tempo de ekzisto de Esperanto observeblas du ĉefaj manieroj skribi proprajn nomojn, prenitajn el latinalfabetaj lingvoj: (1) enmeti en E-tekston la originan formon senŝanĝe, eventuale inkluzive literojn, ne ekzistantajn en E-alfabeto; (2) uzi nur E-literojn, transdonante la prononcon proksimume. Tian duecon kaŭzis ne nur malsamaj kutimoj transdoni fremdajn nomojn en naciaj lingvoj, sed ankaŭ hezitado kaj diverseco de solvoj en aŭtoritataj fontoj de la pionira epoko.

Lanĉante la lingvon, Zamenhof ne donis eksplicitan regulon por la propranoma transskribado. Supozeble li eĉ ne havis tiam klaran koncepton pri la problemo, kaj en la Unua Libro troveblas ambaŭ manieroj: (1) Heine (laŭ (2) devus esti Hajne) kaj (2) Ŝiller (laŭ (1) – Schiller). Poste en Lingva Respondo (Lingvo Internacia, 1904, p.216) Zamenhof klarigis, ke oni povas skribi proprajn nomojn originforme, por eviti kriplaĵojn kaj miskomprenojn; sed li konsideris tiun rimedon provizora (vere, tiu provizoreco daŭras ĝis nun...), ĉar tamen oni celadu, ke pli aŭ malpli frue ĉiuj propraj nomoj estu skribataj laŭ E-ortografio – por ke ilin povu legi anoj de ajna nacio. En la Fundamento de Esperanto la propraj nomoj estas esperantigitaj, sed la Fundamenta Krestomatio enhavas nacilingvajn formojn, ekz. Wilkins, Müller, kaj eĉ en artikolo de Zamenhof mem: Volapük. Do, adeptoj de ambaŭ manieroj povas argumenti, laŭplaĉe referencante tiujn aŭ aliajn prafontojn.

La unua maniero imitas la kutimon de plejmulto de la latinalfabetaj lingvoj. Ĝiaj uzantoj emas konsideri propran nomon io sankta kaj netuŝebla, tial mi nomu ĝin *fetiĉisma*. La dua maniero traktas nomon kiel specon de vorto: ene de teksto ajna nomo, samkiel alispeca vorto, devas obei regulojn (almenaŭ ortografiajn) de la lingvo, en kiu estas skribita la teksto. Tial oni adaptas alilingvan nomon al E-alfabeto, do tiun manieron mi nomu *adaptisma*. En la tuta aro de E-tekstoj, kaj historiaj, kaj nunaj, ĝenerale dominas la fetiĉisma maniero; la ĉefa kaŭzo kredeble estas, ke plejmulton de aktiva esperantistaro konsistigas portantoj de influaj eŭropaj lingvoj, en kiuj estas uzata ĝuste tiu maniero. Adaptismaj solvoj renkonteblas multe pli malofte.

En E-gazetaro konstante reaperas diskutoj inter fetiĉistoj kaj adaptistoj. Oni polemikas preskaŭ ĉiam laŭ simila scenaro, kun ripetiĝantaj argumentoj. Kutime ekdiskutas adaptistoj, malkontentaj pri nomoj, kiujn ili ne povas tralegi: ekz. kiel, ne sciante la polan, oni legu Bydgoszcz? Al tio respondas fetiĉistoj, ke oni ne rajtas kripligi dokumente fiksitan nomon, kaj ke E-transskribo povas fari nerekoneblaj konatajn nomojn: ekz. vidante la E-transskribon Miŝo, fetiĉisto timas ne konjekti, ke temas pri homo, konata laŭ la franca nomo Michaux. La diskuton daŭrigas kelkaj replikoj, ofte pli emociaj ol raciaj, favore al tiu aŭ alia maniero: ekz. levas voĉon fanatika fetiĉisto, asertanta ke skribi nomon alie ol en la persona dokumento estas leĝe punenda atenco kontraŭ homa digno; responde fervora adaptisto povas alvoki al bojkoto de periodaĵoj, praktikantaj fetiĉisman skribadon. Tamen ĉio finiĝas pace: ambaŭ partioj agnoskas, ke gravas kaj legeblo kaj rekoneblo, iu proponas aldoni enkrampe la originan formon post la adaptisma (aŭ inverse), la diskuto ĉesas – sed la problemo restas samstata. Eĉ se iuj redakcioj ekpraktikas duoblan nomskribadon, tio pro pluraj kaŭzoj okazas neregule kaj ordinare daŭras nelonge. Pasas 10-20 jaroj, aperas nova E-generacio, kaj jam aliaj adaptistoj levas la saman demandon...

Por adaptisma solvo de la problemo en artikoloj kaj alredakciaj leteroj siatempe jam pledis, se konsideri nur niajn samlandanojn, kaj anoj de jam foririnta generacio (ekz. S.Sariĉev en la 50-aj jaroj), kaj nunaj veteranoj (N.Starodubcev kaj V.Ŝilas en la 70-aj), kaj reprezentantoj de meza generacio (E.Ŝevĉenko en la 80-aj), do ankaŭ la nuna junularo ne povis ne

esprimi sin. Ne estas mirinde, ke la “maltaŭg-pensuloj” pli-malpli ripetas la argumentojn de la antaŭuloj. Sed estas ĉagrene, ke en polemika ardo la aŭtoroj transiras de la problemo al personoj kaj interalie fakte asertas, ke William Auld ... ne estimas esperantistojn kaj la lingvon mem.

Ĉi tie mi diru kelkajn vortojn defende al la respektinda patriarko de nia literaturo, kies nomo jam (almenaŭ) duafoje iĝis celtabulo por pafi polemikajn sagojn (siatempe en “Aktuale” V.Ŝilas proponis protesti kontraŭ fetiĉisma nomskribado per laŭlitera legado: se oni skribis “Auld”, legu “A-uld”). Ja W.Auld certe malmeritas tian traktadon, ĉar ĝuste li publikigis en “Scienca Revuo” (№ 4/5, 1970) rimarkindan artikolon “Pri la transskribo de propraj nomoj, unuavice en literaturaj tekstoj” kun tre detala analizo de la problemo kaj la aplikataj solvoj. En tiu profunda studo Auld faris konkludojn favore al la solvo adaptisma, eĉ pli – asimilisma (kun aldono de gramatikaj E-finaĵoj, por ke la nomoj estu normale deklinacieblaj kaj pluformeblaj), kaj verve alvokis uzadi ĝin sisteme, por komenco – sur literatura kampo. Kaj kvazaŭ prognozante la nunajn riproĉojn de L.L.Zamenhofoj, li skribis fine de la artikolo: “... se iu cinikulo demandas, kial mi subskribas mian artikolon per la nomo **William Auld** kaj ne per **Vilhelmo Oldo**, la respondo estas triflanka. Unue, ankoraŭ ne temas pri kunteksto literatura; due, la unua formo jam fariĝis konata ideogramo **en Esperantujo**; trie, mia longjara kutimo kontraŭpezas en mi, kiel en multaj aliaj. Sed se atentos mian alvokon sufiĉe multaj apogantoj, mi tre feliĉe ekuzos mian esperantan nomon.”

Bedaŭrinde, la alvoko de Auld restis senreeĥa, ĉar la inercio de fetiĉismo estis (kaj plu estas) grandega. La fetiĉistoj tiom kutimas skribi proprajn nomojn same kiel en la gepatralingvaj tekstoj, ke ili eĉ ne pensas pri deveno de tiu aŭ alia nomo. Pro tio oni fojfoje povas renkonti en E-tekstoj diversajn strangajn transskribojn de konataj al ni rusaj nomoj. Ekzemple: en kantaro, eldonita en Pollando, troveblas kantoteksto de Gusiew (= Gusev); programo de kulturfestivalo en Hungario invitis aŭskulti muzikon de Csajkovszkij (Ĉajkovskij); faldfolio pri viktimoj de faŝisma koncentrejo menciis sovetian oficiron Sotow (Zotov). Mi estis ŝokita preskaŭ ĝisnaŭze, kiam en la libro “Mi estas Pele” (furorinta en la 70-aj jaroj) mi rimarkis, ke nia futbalisto Jaŝin, la popularega Jaŝin, aperis kiel iu monstra Iachine... Defendantoj de la fetiĉisma maniero tre ŝatas akuzi adaptistojn pri kvazaŭa kripligo de nomoj, kiu reale estas nenio plia ol modifo konforme al postuloj de la lingvo (samkiel estas modifataj la internaciaj vortoj laŭ la 15-a regulo). Sed se teksto en la internacia lingvo enhavas rusan nomon, skribitan laŭ hungara aŭ portugala, aŭ alia fremda ortografio – ĉu tio ne estas vera kripligo?!

> Kruko freneze ekamas servistinon kaj decidas okupiĝi pri ŝi. Li aĉetas por ŝi novajn vestojn, multajn juvelojn, luksan veturilon por ke ŝi ne devu preni metroon malfrunokte, grandan multekostan apartamenton, kaj kunprenas ŝin por libertempi ĉe la marbordo.
> Post kelka tempo li decidas ke li ne povas vivi sen ŝi.
> “Mia karega”, li diras al ŝi, “ni geedziĝu!”
> “Ho, ne!”, ekkrias la junulino, “vi estas tro elspezema!”
> *(esperanto-anekdot)*

Tamen la fetiĉisma dominado ne estas absoluta. Ĝin kontraŭas ne nur portantoj de lingvoj, en kiuj oni ne praktikas senmodifan kopiadon de fremdaj nomoj, ekz. ruslingvanoj, sed ankaŭ pluraj nedogmemaj okcidentlingvanoj. Ofte la adaptisma maniero renkonteblas en SAT-eldonaĵoj, kvankam ĝi estas uzata malpli konsekvence ol en la tempo de Lanti. Ioma plioftiĝo de tia nomskribado observeblis en la 70-aj jaroj. Ekzemple adaptismis la revuo “Kontakto”; tiama prezidanto de TEJO kaj la nuna de UEA ĉe konvena okazo volonte subskribas Korseti, sed certe pli ofte renkonteblas Corsetti. Kompreneble, ne povis eviti adaptisman ortografion “La Kancerkliniko” – la revuo, kreita de Ĵak Le Puil k.a. kaj deklarinta sian netradiciemon per la koncepto “ajnista”. Sed la defia traduko de Rikardo Ŝulco “La per-

dita honoro de iu Katarino Blum’”, en kiu li sisteme uzis asimilitajn nomformojn (tamen tiu de la aŭtoro: Heinrich Böll aperis nacilingve, supozeble pro juraj aŭ komercaj kialoj), kaŭzis en E-gazetaro torenton da frakase insultaj recenzoj.

Ĉu nun povas aperi novaj oazoj por adaptisma transskribado? Eble iom paradokse, unu tian ŝancon mi vidas en la nova fenomeno de la E-mondo: la Esperanta Civito. Se ĝiaj iniciatintoj estos konsekvencaj en la intenco disvolvi esperantistan kvazaŭŝtaton, ili iam devos produkti identigajn dokumentojn por la civitanoj. Do, en kiu lingvo estu tiam skribataj iliaj nomoj? Esperanto estas la oficiala lingvo de la Civito; krome E-civitaneco multe allogas tiujn, por kiuj la esperantisteco estas ne malpli (aŭ eĉ pli) grava ol la nacia aparteno. Pro tio, se influaj civitanoj proponos uzi E-formon por nomoj en identigaj (kaj poste jam, kiel sekvo, en aliaj) dokumentoj de la Civito, la ideo povus trovi favoran grundon. Sed aliflanke, ĉu tio ne pliigus fetiĉismemon ĉe kontraŭuloj de la Civito?..

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## DENASKE

P.Fiŝo (REGo № 5 (7), p.19-20) traktas vere interesan kaj gravan temon, bedaŭrinde ne ofte atentatan: kiel paroligi en Esperanto niajn infanojn. Kaj sur alia paĝo de la sama kajero legeblas prava riproĉo, ke al ni mankas memoro, oni ĉiam surpaŝas la saman rastilon...

Do, mi ŝatus rakonti pri mia propra sperto tiurilate.

Vere, preskaŭ ĉiuj aktivaj esperantistoj, dezirantaj ke ankaŭ iliaj idoj parolu Esperanton, ĉiam faras la samajn erarojn. Unue, pluraj el ili ial ion atendas kaj perdas kelkajn jarojn – kvankam estas senduba fakto, ke ekposedi ajnan lingvon en beba aĝo nekompareble pli facilas, ol por 4-5-jaruloj, ne parolante jam pri lernejanoj. Due, kutime la patro parolas kun infano en Esperanto, kaj la patrino – nacilingve. Sed ja la patrino pasigas kun la ido dekoble pli da tempo, ol la patro, ankaŭ la ceteraj homoj apude parolas nacilingve – do la infano ne povas alproprigi Esperanton, ne havante sufiĉan praktikon.

Do pri la filino Nija ni, la gepatroj, decidis jam antaŭ ŝia naskiĝo. Kaj mi, kaj mia edzino ĉiam ekde la naskiĝo parolis kun Nija nur en Esperanto – ŝi neniam aŭdis de ni eĉ unu rusan vorton. Jes, dekomence la avinoj ktp. tion malaprobis, necesis ioma anima fortikeco. Poste ĉiuj alkutimiĝis, la avino eĉ memorfiksis kelkajn vortojn... Ni tute ne zorgis pri ŝia rusa lingvo: ja ĉie – surstrate, en infanĝardeno, inter geavoj – estas ruslingva medio, kaj la infano nepre mem alproprigos la lingvon. (P.Fiŝo tute prave mencias, ke loĝantaj en Rusio uzbekoj, kartveloj ktp. senprobleme parolas du lingvojn...)

Sian unuan vorton Nija diris en Esperanto: “Kato”. Jes, dekomence ŝi faris eraretojn en la rusa, iam enmetante Esperantajn radikojn aŭ formante frazon laŭ Esperanta (do, logika, sen kutimaj rusaj esceptoj) modelo: “Иди мне!”, “А бабушка Аня где есть?”. Tamen post dujara aĝo ŝi jam klare distingis la lingvojn kaj libere tradukis tien kaj reen. En MoskvET (1987) ŝi, dujara, jam fakte instruis Esperanton: respondis demandojn de komencantoj, kiel nomiĝas tio aŭ alio, korektis aŭditajn malĝustajn frazojn ktp.

Ŝi libere pensis en la lingvo, do povis diri ion tian, kio ne povus veni en la kapon al ni, katenitaj de nacilingva pensmaniero. Ekzemple (infanoj ofte volas manĝi, ĉar bezonas kreski): “Paĉjo, mi manĝi volas!” – “Ĉu denove?” (ja nur antaŭ horo ni manĝis) – “Denove! Ĉar demalnove ne eblas!”.

Certe, ekzistis la problemo de porinfana literaturo, kiun mencias ankaŭ P.Fiŝo. Ni legis al ŝi en Esperanto ĉion troveblan kaj pli-malpli konvenan. Por la plej frua aĝo, kiam libroj enhavas bildojn kaj nur po kelkajn vortojn sur paĝo – ni simple tradukadis tiujn vortojn, por ordinara esperantisto tio facilas. Poste ni komencis legi al ŝi ankaŭ rusajn librojn – sed tiam ŝi jam bone distingis la lingvojn, kaj klare komprenis, ke tiumomente al ŝi fakte parolas ne

paĉjo aŭ panjo, sed la libro!

Rilato de fremdaj personoj al ni apenaŭ interesis nin. Saĝa homo povas fari saĝajn demandojn, malsaĝulojn atenti ne indas. Krome, ne forgesu ke se ni parolis en Esperanto, oni ofte opiniis nin eksterlandanoj, kaj sovetianoj tradicie rilatas al fremduloj kun timeto kaj troa afablo, al alilandano permesatas multo tia, kion samlandano neniel rajtas – do ni sentis nin liberaj kaj faris, kion volis. Kaj se publiko ne komprenas nian dialogon – tio ofte vere bonas, ni povis esti sinceraj... (Foje mi havis la malan problemon: necesis ion diri tiel, ke la infano ne komprenu. Uzi Esperanton, la rusan aŭ ukrainan ne eblis, do mi uzis la polan kun granda rapideco...)

Ve, la kruela sorto deŝiris la filinon de mi, tamen, vidinte ŝin post kelkaj jaroj, mi plu parolis kun ŝi en Esperanto. Ŝi plendis, ke ne havas kun kiu paroli, do povas forgesi tiun aŭ alian vorton – sed post horo jam readaptiĝis. Kaj ŝi vere ĝuis la etoson en nia moskva klubo, eĉ restis en Moskvo pli longe speciale por viziti ĝin. Loĝante en Ukrainio, ŝi korekte parolas literaturan rusan kaj literaturan ukrainan lingvon, ne miksante ilin – tion ja kapablas tre nemultaj ukrainanoj, kutime parolantaj iun teruran miksaĵon. Ŝajne, Nija libere parolas ankaŭ la anglan (mi ne povis juĝi, ĉar mem ne posedas ĝin), lernas la polan kaj eĉ la japanan. Do, kiel oni delonge scias, Esperanto vere helpas lerni aliajn lingvojn, formante certan logikan pensmanieron kaj la koncepton de lingvo ĝenerale.

Mi scias ke laŭ samaj principoj estas edukita ankaŭ Helena Melnikova, la filino de nia rostova kolego – kaj ŝi (nun 20-jara) jam rimarkindas en Esperanto-kulturo, verkas bonajn poemojn kaj saĝajn recenzojn; mi certas ke post kelkaj jaroj ŝi estos bone konata. Menciindas tiurilate ankaŭ Dima Ŝevĉenko.

Do mi volas kuraĝigi la samlingvanojn. Esperanto estas same viva lingvo kiel ĉiu nacia. La infanoj senprobleme povas ĝin ekparoli, tamen indas ne INSTRUI ilin, sed simple konstante uzi Esperanton anstataŭ la nacia (en niaj kondiĉoj – la rusa). Kaj ne nomu tion "eksperimento"! La problemoj tute ne estas tiom grandaj, kiom ŝajnas dekomence. Komenci necesas tuj ĉe la naskiĝo. Se vi bezonas longan tempon por prepariĝi – faru tion anticipe, kiam la infano ankoraŭ ne estas naskita.

***Valentin Melnikov (Moskvo)***

## REMEMOROJ APERAS... HISTORIO SUFERAS?

Tre interesa estas la ideo de Mikaelo Bronŝtejn (REGO № 4 (6), p.22) prezenti por komparo kaj diveno nunajn kaj iamajn fotojn de la samaj personoj, famaj enmovade. Por mi, sam- aŭ proksim-generaciano de la montritaj aktivuloj, tute ne estis problemo rekoni ilin laŭ la malnovaj fotoj: ĉiuj aspektas same, kiel en la tempo de mia konatiĝo kun ili. Malpli facila tasko estis identigo laŭ la grupa foto. Nu, ses fotitojn el la okopo mi rekonis senembarase: iuj plu aktivas kaj mi ilin vidis antaŭnelonge, aliaj konservis karakterizajn eksterajn trajtojn. Por personigi la sepan sufiĉis la teksto aŭ la junaĝa foto.

Tamen kiu estas la oka? El la teksto sekvas, ke en la grupo la plej dekstra (en blanka ĉemizo) estas Aŭgusto Kilk, sed... la foto dekstre malsupre montras alian famulon de la fruaj 70-aj jaroj: ĉiuj tiamaj aktivuloj konfirmos, ke tiu estas klajpedano Algis Vizgirdas, komitatano de SEJM kaj populara gitaristo. La malkoincidon, kiu memorigas la aforismon de Kozjma Prutkov pri elefanto kaj bubalo, kaŭzis redaktora malatento (*La redakcio petas pro tio pardonon de M.Bronŝtejn kaj la legantoj – G.K.*). Domaĝe…

Alia strangaĵo estas la aserto de Mikaelo, ke Biruta Rozenfelde (Kondrate) "fakte sola, organizis la unuan BET en 1959". Bedaŭrinde, tio ne kongruas kun aliaj informoj, ĝis nun ne pridubitaj, pri tiu historia evento. Ekz., la plej aktiva historiisto de la sovetia E-movado Dmitrij Cibulevskij en la libro "SEJM. Historia skizo" (p.30) indikis tiurole alian personon.

Lia informo estas prenita el pli frua fonto, kiun mi citu rekte: "Ĉebalta studenta Esperanto-tendaro – estis titolo de la unua renkontiĝo, okazinta en Baltezers (Latvio, 1959). Ĝia ĉeforganizinto estis rigano E.Mozerts." ("Libro por tendarano", Tiĥvin, 1976, p. 2). Kio estas la plej interesa: la ĉefkompilinto de la tiĥvina broŝuro estis ja Mikaelo Bronŝtejn (formale ne indikita, sed tio estas ekster ĉies dubo). Hm, al kiu Bronŝtejn ni kredu: ĉu al tiu de 1976 aŭ al la nuna?… Aldonindas, ke ankoraŭ unu fonto ("Tendara libro", Kiev, 1971, p.14) mencias E.Mozerts kiel la iniciatinton de tiu tendaro.

Do, kiu tamen fakte estis la ĉeforganizinto de la unua BET: ĉu Biruta Kondrate aŭ Ervins Mozerts? Mi demandis kelkajn spertajn movadanojn kun pli granda E-staĝo ol la mia, kaj laŭ la respondoj estas tre kredeble, ke la vero estas meze. Bedaŭrinde, mi ne ricevis respondon de latvia kolego, kies atesto estus ege valora. Boris Kolker skribis: "Mi memoras, ke en iu BET oni celebris datrevenon de BET-1 (eble en 1984 aŭ 1989). Lige kun tio oni nomis tri personojn, kiuj ĝin organizis. Ĉar ĉeestis nur Biruta, oni enmanigis ion al ŝi. La du aliajn nomojn mi ne memoras. Eble, inter ili estis Ervins, sed mi ne certas." Kaj la menciita D.Cibulevskij afable transsendis al mi enciklopedian artikoleton pri Biruta Rozenfelde, tie estas jena fragmento: "En 1959 estis unu el organizintoj de la unua Baltrespublika studenta kaj junulara tendaro". Ĉi tiun informon mi opinias la plej fidinda, ĉar ĝi fontas el ŝiaj propraj aŭtobiografiaj notoj.

Biruta Kondrate-Rozenfelde estas vivanta historio de la postmilita movado en Latvio. Ŝia aktiveco daŭras tra jardekoj, kaj hodiaŭ ŝi reprezentas Latvian E-Asocion kiel observanto en la Komitato de UEA. Sed atribui al ŝi la rolon de sola organizinto en laboro, kiun faris kelkaj – signifas fari nenecesan troigon de ŝiaj vere elstaraj meritoj. Ni rilatu al la historio pli estime kaj strebu prezenti ĝin tia, kia ĝi estis – sen misbeligoj kaj reskriboj.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## ANATOLO POR VERDA POPOLO

proponis en REGo № 5(7) bonan ideon pri esperantista DOMO. Kompreneble, la mono decidas multon, sed ni faciligu la aferon per aldonaj rimedoj.

Gravaj regionaj estroj certe plejparte indiferentas al e-istaj problemoj, sed ni uzu ambician faktoron. Necesas dissendi al kelkaj ĉirkaŭmoskvaj provincoj oficialan REU-leteron kun la propono organizi en ilia urbo aŭ regiono "kulturan centron de Esperanto, kiu perspektive fariĝos INTERNACIA, mondkonata; tiu centro allogos eksterlandajn turistojn, komercistojn, kulturagantojn".

Ĉu iu provinca stiranto ekinteresiĝos, subtenos morale kaj organize? Bone, se almenaŭ tiel. Iom idealisme, sed ni esperu ankaŭ pri financa kontribuo, ĉar temas pri la afero ***reciproke utila.***

Kaj inter esperantistoj necesas nun anonci specialan fonduson, kien dezirantoj kaj monhavaj samideanoj povos sendi sian kontribuon.

***Vladimir Ĉernov (Kaluga)***

## MI NE KONSENTAS

Traleginte en REGo № 5(7) la artikolon de Sl.Ivanov "Belaspekta lingvo", mi volus iom disputi kun la aŭtoro pri esperantistoj kaj la movado.

Al mi ŝajnas, ke kiu uzas Esperanton, tiu vole-nevole, tiel aŭ alie ankaŭ propagandas ĝin. Apenaŭ eblas okupiĝi pri Esperanto kaj al neniu rakonti pri ĝi. "Kion vi legas? En kiu lingvo? Kien vi veturas? Al kiu klubo? Kio estas Esperanto? Kie ĝi lerneblas?" ktp. Kaj ni respondas, rakontas, montras, fojfoje eĉ al tiuj, kiuj evidente ne povas aŭ ne emas kompreni

nin; ni propagandas Esperanton. Jes, kutime oni ne rapidas tuj serĉi Esperanto-kurson, sed oni almenaŭ scios, ke ekzistas Esperanto kaj esperantistoj. Certe, per instruado kaj partopreno en diversaj renkontiĝoj Esperanto estas propagandata nekompareble pli efike, sed Esperanto-posedantoj havas ne samajn kapablojn interesigi kaj konvinki. Ankaŭ post bonaj tendaroj kaj eĉ kursoj ne ĉiu restas en Esperantujo. Simpla rakonto pri Esperanto povas venigi al ĝi pli multe da homoj ol brila prelego. Unu bela frazo en Esperanto povas fari por ĝi pli multe ol ajna tendaro.

L.Tolstoj diris, ke "la plej mallonga esprimo de la vivsenco estas jena: la mondo moviĝas, perfektiĝas; la tasko de la homo estas partopreni en tiu ĉi moviĝo, kaj obei ĝin, kaj kontribui por ĝi". Tio direblas ankaŭ pri la vivo de lingvoj ĝenerale kaj pri tiu de Esperanto aparte. Kaj kiam venos la Fina Venko, Esperanto-uzantoj, kaj precipe verkistoj, havos la samajn problemojn, kiujn havas nunaj posedantoj de naciaj lingvoj: subteni (la movado) Esperanton (ĝian moviĝon) kiel vivan lingvon kaj daŭrigi ĝian vivon, perfektiĝante ĝin. La movado, sekve, ne pereos: pereos nur la nuna speciale priesperanta signifo de la vorto "movado", kaj ĝia ĉefa signifo restos: obeo, subteno, partopreno, kontribuo, plibonigo. La plej precizan difinon de esperantisto prezentas, do, la Bulonja Deklaracio: esperantisto estas tiu, kiu uzas Esperanton. Tamen eblas uzi Esperanton – pli ĝuste, informojn pri Esperanto – ankaŭ posedante ĝin malbone: multe kaj arde rakonti pri ĝi, ne strebante plialtigi la propran nivelon de Esperanto-posedo. Ĉu ankaŭ la homoj, kiuj propagandas Esperanton sen Esperanto, estas esperantistoj kaj movadanoj? Ili povas interesigi kaj entuziasmigi pri Esperanto multajn aŭskultantojn, ili povas ne ŝpari sian fortojn, tempon kaj monon por propagando de Esperanto, kaj ne facilas diri, ke ili ne estas esperantistoj. Ĉu poresperantistoj?..

Kial oni tamen ne emas lerni Esperanton, komprenante aŭ kredante, ke en Esperantujo estas bone? Mi provis respondi verse:

Esperanton oni ne forsvingas,
Ĉiam ĝin taksante kun estim'.
Kio por la homo, do, estingas
Emon lerni ĝin sen l' antaŭtim'?

Li evitas vojon maltrankvilan
Tro ĝenate de la svaga prem',
Kaj eĉ ion multe pli facilan
Li ne volas fari por si mem.

Pri la lingvo portas li impreson
De l' neeltenebla malkomfort'.
Li aŭskultas kaj respondas jeson,
Tamen restos ĝi la nura vort'.

Ne, ne fuŝe ion bonan semas
Iuj en l' obstina efektiv'.
Simple novaj botoj ĉiam premas,
Laŭ l' amara vero de la viv'.

Kaj la junulino, al kiu ne plaĉis aspekto de kelkaj grandaĝaj esperantistoj, sendube forgesus pri ĝi, se ŝi iomete parolus kun tiuj personegoj. Ili ne povis ja surhavi trampajn vestaĵojn…

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostal)***



# maltaŭgaj pensoj:

## LA REGULO DE LA LASTA ARANĜO

**$r = 0{,}4 + 0{,}3 \cdot 2^n$,**
*Ticius-Bode (1766, 1772)*

Post longa kaj profunda esploro de historio de E-movado en nuna Rusio ni malkovris strangan, sed tre gravan fenomenon. Ĝin eblas nomi “Regulo de la Lasta Aranĝo”. Ĝia ĉefa trajto jenas: post ĉiu landgrava junulara aranĝo (OkSEJT, EoLA) la organizanta klubo eke malaktiviĝas. Ni tion pruvu, sekvante la kronologion.

1990 komenciĝis per EoLA en Volĵskij. Post la aranĝo la E-klubo de Volĵskij komencis sukcese morti. Sekvis OkSEJT en Ivanovo kaj rezulte la tendaro iĝis por multegaj jaroj la lasta aktiva ago de la fama kaj renoma klubo. Vi povas rememorigi al ni pri EoLAj en Ivanovo en 1994 kaj 1998, sed ĉiuj scias, ke ili estis realigitaj nur dank’ al interklubaj teamoj, en kiuj preskaŭ tute forestis ivanovanoj.

En 1991 duoblan baton de la Sorto ricevis la E-klubo de Niĵnij Novgorod: EoLA (en NN mem) kaj OkSEJT (en la regiono) enbatis najlojn en la kovrilon de ties ĉerko. Nun niĵnij-novgorodanoj reaktiviĝas, sed preskaŭ jardekon ili nur ĉeestis, ne aktivis.

Poste estis 1992, kiam okazis nur OkSEJT apud Sankt-Peterburg. Post tiu jaro peterburganoj certe ne malaperis el la movado, tamen ilia agado estis sufiĉe marĝena kaj post IJK-51 ĝi eĉ tute ĉesis – same, ne por ĉiam, sed por multaj jaroj. Sed pri IJK ni parolos certaloke.

En 1993 okazis kaj EoLA (Ĉeboksari) kaj OkSEJT (Smolensk). Iliaj rezultoj estis ne tro malsamaj. Tiama E-klubo en Ĉeboksari estis sufiĉe efemera kaj pli similis al fantomo de klubo (la sola vere aktiva esperantisto estis A.V.Blinov), kaj tiel daŭris ĝis fondiĝo de JEAĈR. Smolenska E-klubo post OkSEJT ne plu vivas (en Smolensk okazis la unua StRIGo, sed ĝi estas plejparte merito ne de smolenskanoj).

1994 estis fortega bato kontraŭ la E-kluboj en Jelec kaj Lipeck, kiuj apenaŭ postvivis la plagon de OkSEJT: jelecanoj rekomencis vizitadi E-renkontiĝojn en 1998 (nur po-kelkope), kaj Lipeck ĝis nun restas absolute nebula por E-movado.

Kaj jen venis la fama 1995. En tiu jaro EoLA gastis en Kazanj, kaj OkSEJT ĉi-jare ne okazis, ĉar estis IJK. Ambaŭ aranĝoj estis etapaj. Ĝis nun kazananoj ne videblas en niaj rondoj. Ankaŭ IJK ne estis senspura. Post 1995 la junulara movado (en la nomo de SEJM) aktive ekstagnis.

En 1996 EoLA (interalie, ĝi estis la sola sufiĉe internacia) forigis el niaj vicoj minskanojn kaj eĉ Belorusion entute (ĉu iu povas rememori iun belorusian aktivaĵon de post 1996?). La samjara OkSEJT neniigis lastajn esperantistojn en Taganrog, kaj la ĉeforganizanto, plene elĉerpiĝinte post la tendara katastrofo, baldaŭ forveturis en Usonon por tie rekonsciiĝi.

Post 1997 volgogradanoj, kiuj ankaŭ pli frue ne estis ege aktivaj, timige eksilentis (tamen, fojfoje okazigante lokajn renkontiĝojn). EoLA, ĉar ĝi okazis eksterrusie (en Jalta), indulgis nin tiujare.

Pri EoLA en 1998 ni jam ĉion diris, sed ankaŭ ĉeboksaranoj montris sian kontraŭrenkontiĝan fortecon – OkSEJT ne sukcesis superi ilin. Efikis la granda sperto.

En 1999 la Sorton defiis Tiĥvin. La socialisma sistemo ne venkis la famegan E-klubon (en 1976 SEJT la unuan fojon okazis en Tiĥvin, spite al pluraj obstakloj flanke de la oficialuloj). Nur la fakto, ke en la tiĥvina klubo daŭre estas la samaj homoj, savis ĝin de

abismo – la lokanoj estis tre bone harditaj. EoLA denove estis en Ukrainio (Kievo) kaj dank' al tio ni lerte evitis la plagon.

En 2000 EoLA gastis en Nabereĵnie Ĉelni. Heeej, kie vi estas, aktivuloj el la glora urbo ĉe la rivero Kama? OkSEJT estis preparita en Ivanovo fare de nova junulara E-klubo, kiu ankoraŭ estas "tro" juna, kaj eble tio gardas ilin.

Ĉi tie nia esploro finiĝas. Sed certe, la fenomeno indas pli atentan esploron. Certe, la Regulo de la Lasta Aranĝo aplikeblas (kaj eĉ aplikindas) ne nur al Rusio, sed al ĉiuj landaj movadoj. Tio signas ĝian mondskalan gravecon. Kaj ni esperas, ke en REGo ni legos pliajn ĉi-temajn esplorojn.

Samtempe inter legantoj de REGo povas aperi voĉoj, kiuj ne konsentas kun la Regulo. Oni povas diri, ke la Regulo estas nur koincido, sed faktoj estas faktoj. Kien malaperis multaj menciitaj kaj aliaj bonaj kluboj (kaj bonaj homoj!!) post organizado de landskalaj E-aranĝoj? Kien, respondu, kien?

***Ĉiam zorgantaj pri vi Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj <zamenhofoj@mail.ru>***

***P.S: Kiucele ni tuŝis la ne tre bone aspektantan temon? Vidu, ke iuj personoj volas organizi UK en Rusio. Ĉu vi komprenis?***

## "LA ONDO DE ESPERANTO" PROKLAMIS LA ESPERANTISTON DE LA JARO

Internacia revuo "La Ondo de Esperanto" iniciatis en 1998 proklamon de la Esperantisto de la Jaro. Al tiu projekto aliĝis reprezentantoj de diversaj tendencoj en la Esperanto-komunumo kaj sendependaj kompetentuloj. La unua laŭreato en 1998 estis William Auld; en 1999 lin sekvis Kep Enderby. En 2000 la honoran titolon ricevis tri personoj: Hans Bakker, Mauro La Torre kaj Jouko Lindstedt.


*Osmo Buller*

Ĉi-jare la kandidatigantoj proponis 15 personojn, al kiuj la elektantoj povis doni siajn voĉojn. La 15-an de decembro estis anoncita la rezulto de la voĉdonado – po 4 voĉoj estis donitaj por Osmo Buller kaj Claude Piron. Laŭ la Regularo pri la Esperantisto de la Jaro Osmo BULLER estas elektita kiel la esperantisto de la jaro 2001, ĉar li ricevis du kandidatigojn, sed Piron – nur unu.

Osmo Buller per sia demisio en 2001 finis la rezultoriĉan deĵorperiodon kiel Ĝenerala Direktoro de UEA. Dank' al li la "Gazetaraj Komunikoj de UEA" regule kaj objektive informas la esperantistaron pri UEA. Lia septembra restado en Ĉinio kaj Litovio aktivigis la movadon tie kaj faris pli favora la rilaton de aŭtoritatoj en tiuj du landoj al Esperanto.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## DECIDOJ DE REU-ESTRARO

***faritaj dum la Estrara kunsido en REK-21 (Kostroma, 12-16.12.2001)***

1. Organizi la aranĝon Rusiaj Esperanto-Tagoj (RET-02) en la bazejo apud la urbo Kovrov de la 15-a (aŭ la 16-a, se la 15-a ne taŭgos por la bazejo) ĝis la 25-a de aŭgusto 2002. Ĝeneralan kunordigon de la aranĝo komisii al Andrej Grigorjevskij.
2. Elekti Gennadij Basov kiel REU-komisiito pri RoKo (Ranglisto Kluba).
3. Lanĉi la retliston "reu-agado".

## NOVA RETLISTO

REU-Estraro lanĉis novan retliston "reu-agado". Al ĝi estas invitataj ĉiuj interesiĝantoj, unuavice la membroj de la Unio. La listo estas destinita por interŝanĝi la opiniojn pri la nuna stato kaj estonta agado de REU. Por fariĝi membro de la retlisto necesas sendi malplenan mesaĝon al la adreso <reu-agado-subscribe@yahoogroups.com> kaj poste respondi al la peto pri la konfirmo.

## REZULTOJ DE RoKo



Kiel vi jam scias, en 2001 REU lanĉis RoKon (Rangliston Kluban) kaj dum la jaro kalkulis la poentojn, asignatajn al rusiaj E-kluboj (temas pri ĉiuj kluboj, ne nur pri la aliĝintaj al REU). Kaj jen, ni prezentas la rezulton – la plej sukcesajn rusiajn E-klubojn, kiuj kolektis la plej grandan kvanton de poentoj en RoKo:

***1. Junulara E-Teamo de Ivanovo (JETI) – en la apuda foto.***
***2. Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko (JEAĈR).***
***3. Moskva E-klubo MASI/FaRo.***

**GRATULOJN AL ĈIUJ TRI KOLEKTIVOJ!**

## NOMUMO DE AGANTA ĜENERALA DIREKTORO DE UEA KAJ REDAKTORO DE LA REVUO "ESPERANTO"

La Estraro de UEA nomumis Agantan Ĝeneralan Direktoron por la jaro 2002-a. Temas pri Trevor Steele.

William Trevor Steele naskiĝis 14.05.1940 en Mareeba, Aŭstralio, kaj havas aŭstralian naciecon. Li estas vaste konata kiel instruisto en pluraj landoj kaj sukcesa verkisto. Li decidis akcepti la defion restarigi kunlaboran etoson en UEA kaj pli ĝenerale en la movado. Lia personeco kaj entuziasmo por la nova tasko estas sufiĉaj garantioj pri lia sukceso, pro

kio la Estraro esprimas multajn bondezirojn kaj petas la esperantistojn, membrojn kaj nemembrojn, kunlabori kun li. Li ekoficis en Roterdamo la 1-an de januaro 2002.

La estraro nomumis redaktoron de la revuo "Esperanto" de UEA por la jarkolekto 2002 Stano Marĉek el Slovakio. Stano, 48-jara, havas longan historion de redaktado de pluraj revuoj landaj kaj internaciaj. Li estas konata ankaŭ kiel aktivulo en pluraj kampoj de la movado (fondo de la junulara sekcio, instruado ktp.). Li ekredaktis la 1-an numeron de la jarkolekto 2002.

> La Estraro de UEA dum sia januara kunsido en Roterdamo decidis, ke la Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2004 okazos en Pekino (Ĉinio), kaj en la jaro 2005 – en Vilnius (Litovio).

Ambaŭ nomumoj estas por la transira jaro 2002, dum kiu la Oficeja Komisiono de UEA pluserĉos kandidatojn por pli longtempaj kontraktoj por ambaŭ postenoj. Kompreneble kaj Trevor kaj Stano estos inter la kandidatoj por tiuj kontraktoj.

Fermiĝas per tio la unua fazo de la laboro de la Oficeja Komisiono, kiu jam komencis okupiĝi pri aliaj bazaj problemoj: reorganizado de la komputila sistemo de UEA kaj helpo al malfermo de la "komunikad-centro" de EEU en Bruselo, dum daŭras konstanta provo reharmoniigi la funkciadon de la Asocio.

***La Estraro de UEA*** *(Gazetaraj komunikoj de UEA, N-ro 141)*

## REU-ALIĜOJ POR 2002

Kiel vi jam scias el la antaŭa numero de Bulteno de REU, en 2001 Rusia Esperantista Unio havis 303 membrojn, inter kiuj estis 44 dumvivaj membroj, 122 individuaj membroj, 3 familiaj membroj kaj 12 aliĝintaj kolektivoj kun sume 134 asociigitaj membroj. Listo de ĉiuj membroj por 2001 troviĝas en la Jarlibro de REU, kiu en decembro estis dissendita al ĉiuj membroj de la Unio.

Kaj ekde nuna numero de Bulteno de REU ni komencas publikigi la nomojn de la membroj, kiuj pagis la REU-kotizon por 2002. Tion faris jam 5 E-kluboj kaj 50 individuoj. Ĉiuj ili kun sekva numero de REGo ricevos la membrokartojn por 2002.

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ.

Irkutska E-klubo "Primavero" (4 membroj: Delcov Evgenij, Kozulin Sergej, Loĵkin Igorj, Zajcev Maksim)
Kostroma E-teamo (7 membroj, la listo dume mankas)
Krasnojarska E-klubo (10 membroj, la listo dume mankas)
Moskva E-klubo "MASI-FARO" (18 membroj: Bolŝakov Roman, Ĉerniŝova Olga, Ĉesnokova Ksenija, Dudkin Artjom, Gonĉarova Irina, Gonĉarova Svetlana, Izjumenko Oleg, Jevstratova Aleksandra, Legornev Aleksej, Makarov Stanislav, Melniĉuk Sergej, Morozova Viktorija, Odincov Anton, Popova Marina, Ruvinskaja Polina, Sajfullina Nailja, Sigaĉov Aleksandr, Umarĝanov Alim)
Vladimira E-klubo (10 membroj, la listo dume mankas)

### INDIVIDUAJ MEMBROJ.

Batirev Nikolaj (Udmurtio), Bozin Sergej (Krasnojarsk), Breĉalov Dmitrij (Moskvo), Bronov Sergej (Krasnojarsk), Bruĥis Pavel (Moskvo), Bulava Kalerija (Jaroslavlj), Ĉernov Vladimir (Kaluga), Ĉesnokova Julija (Sankt-Peterburgo), Daŝevskij Leonid (Toljatti), Derevjagina Natalja (Novokuzneck), Galiĉskij Igor (Severodvinsk), Gonĉarov Anatolij (Sankt-Peterburgo), Ilutoviĉ Klara (Moskva reg.), Jaĥina Alla (Krasnojarsk), Juĉajk Vladimir (Tvera reg.), Kaĉalova Zoja (Tiĥvin), Kiseljova Olga (Jaroslavlj), Kitajkin Ivan (Surgut),

Koĵevnikov Aleksej (Sankt-Peterburgo), Kondratjev Boris (Sankt-Peterburgo), Konjaŝova Svetlana (Ĥabarovska reg.), Kroter Stanislav (Tomsk), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Lebedev Vladimir (Vladimira reg.), Liskov Andrej (Moskvo), Lukjanov Vladimir (Kurska reg.), Makarenko Valerij (Tverj), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Miljner Aleksandr (Moskvo), Moniĉeva Irina (Vladimira reg.), Opletajev Vladimir (Surgut), Perepelica Vladimir (Moskva reg.), Reŝetnikov Vladimir (Jekaterinburg), Ribak Nikolaj (Sankt-Peterburgo), Rjumina Natalja (Permj), Roĵdestvenskij Vjaĉeslav (Ĉeljabinsk), Samodaj Vladimir (Moskvo), Sapoĵnikov Vladimir (Krasnojarsk), Sibircev Vladimir (Novosibirsk), Skvorcova Natalja (Sankt-Peterburgo), Sokolova Evelina (Krasnojarsk), Strelec Sergej (Ĉeljabinsk), Sudakov Vladimir (Primorskij reg.), Ŝmakov Vladimir (Novosibirsk), Tarĥan Ermita (Moskvo), Turkov Gennadij (Ĥabarovsk), Vajnapelj Jurij (Irkutsk), Volkov Pavel (Ivanovo), Zueva Nina (Jelec)

**FAMILIA MEMBRO.**

Ejst Svetlana (Sankt-Peterburgo)

**REU-kotizoj por la jaro 2002:**

100 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

2500 rub. – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);

20 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco);

100 rub. + 20 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, la membrokartoj kaj voĉdonrajtoj en REU-Konferenco por la klubanoj).

*La rublaj kotizoj sendendas al* ***G.Kokolija*** *(la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto* ***reua-p*** *ĉe UEA.*




*siajn novjarajn salutojn kaj bondezirojn al ĉiuj membroj de REU kaj legantoj de REGo transdonas Ĵomart Amzeev*

# REJM-info

***redaktas Vitalij Malenko***

*Karaj legantoj! Mi kore ŝatus gratuli vin okaze de la Nova, 2002-a jaro. La pasinta jaro estis plena de interesaj eventoj kaj aranĝoj. La nuna, ni esperu, estos ne malpli utila por nia E-movado. Krom la bondeziroj bonvolu legi ĉi-subajn artikolojn.*

## REJM ELEKTOS NOVAN KOMITATON DUM EoLA

Estimataj membroj de REJM! Jam pasis preskaŭ jaro post la elektiĝo de la nuna REJM-komitato. Kaj la Komitato anoncas, ke dum la festivalo EoLA en Ĉeboksari okazos reelekta REJM-konferenco. Vi ĉiuj estas invitataj partopreni en ĝi! Kaj se vi interesiĝas pri aktiva movadaneco, estas via ŝanco engaĝiĝi en aktivan junularan movadon en nia lando. Kandidatiĝu por esti komitatano de REJM! Sendu vian memprezenton kun motiviga letero kaj vi estos en la kandidata listo por nova REJM-komitato! Ĉion ĉi vi povas sendi rete aŭ poŝte al la adresoj de REJM (vidu en la tria kovrilpaĝo).

## ANKORAŬ UNU OPTIMISMA ARTIKOLO PRI ESPERANTO



Ĉu povas aperi iuj kondiĉoj ke Esperanto ne vegetu en la nuntempa mondo, sed estu io grava – ĉu lingve, ĉu politike, ĉu kulture?

Verŝajne ne multaj jam havas iluziojn pri iu serioza influo de la movado al la sortoj de la mondo – se temas pri politiko, do Esperanto-organizaĵoj apenaŭ povas roli nun aŭ iam plu ion mondskale rimarkindan. Ankaŭ rilate al la lingvo mem kaj al ties kulturo en nuna stato kaj nunaj tendencoj, fari pozitivajn prognozojn estas same kontraŭnature kiel atendi pluvon en vintra Siberio. Sed mi, tamen, provu.

Laŭ privataj eldiroj de la fontoj, proksimaj al la Konsilio de Eŭropo, *"la unueca Eŭropa valuto estas nur unu paŝo de la longa vojo al unuiĝinta Eŭropo: la sekva serioza paŝo devas esti apero de iu komuna lingvo, kiu ne tuŝu valorstaton de la ekzistantaj naciaj Eŭropaj lingvoj. Ĝi devas esti nek la angla, nek iu alia nacia lingvo. En tiuj kondiĉoj oni serioze pritaksas ŝancojn de Esperanto – dekomence kiel egalrajta diplomatia lingvo, poste kiel «la unua inter egalaj». Do, ĝis la fino de la jardeko Esperanto, verŝajne, iĝos la plej grava internacia kaj diplomatia lingvo en Eŭropo."*

Mi volus fari solan demandon al vi – ĉu vi ĝojus, se la prognozo estiĝos reala fakto? Neniu kaŝrigardas dume viajn pensojn, vi povas esti tute sincera: kio estas bazo de via ĝojo, kaj kio estas la restaĵo, solvita en ĝi. "Tio estus bonega", pensas ni, kalkulante avantaĝojn por ni mem. "Ĉu vere?" – resonas malavantaĝoj, kiuj same ne malmultas.

Same dank' al elektronikaj leteroj riveliĝis avantaĝoj de la paperaj: intimeco ("Li/ŝi tenis ĝin en manoj"), nevanteco ("malrapida poŝtservo, malrapida skribado, malpli da vantaĵoj en leteroj – por ke la skribaĵo restu interesa dum longa ricevtempo"), skribmaniero ("letero estas ne nur vortoj").

Laŭ miaj impresoj kaj mia sperto, plejparto da esperantistoj alkutimiĝas havi duonigitan percepton de si kiel esperantisto: la unua parto – brilaj ideoj kaj sloganoj de la movado, la dua – konkretaj agoj kaj konduto en la reala vivo. Ĉi tie mi diras "esperantisto" nur se homo almenaŭ pensas pri la ideologia parto de la movado, do – se li trovas iun lokon por la ideologio en si mem – malgraŭ ke la loko, plejofte, estas tute aparta (eĉ defendita) de la reala konduto.

> En arta galerio, paro rigardis la pentraĵojn. Unu el ili montris belegan nudan virinon, vestitan nur per folio metita en taŭga loko. La edzo longe staris rigardante la pentraĵon kaj volis resti eĉ pli longe. Finfine la malpacienca edzino demandis: "Kion vi atendas? Aŭtunon?"
> *(esperanto-anekdot)*

Kion ni vere perdos, se Esperanto iĝos lingvo por ĉiuj, do se ĝi vere iĝos "nenies havaĵo"?

Unue, tio estos ebleco rigardi al si mem, kiel al "luktanto por … (paco, interkompreno, toleremo ktp)". Do, ni perdos ĝuste la ideologian parton! Ni ne plu bezonos lukti. Estas malgranda paradokso – por iĝi io grava en la estonta historio Esperanto devas restigi propran historion al historiistoj. Ekde nun esperantisto ne devas trakti sin mem kiel parto de "luktantoj", nek kiel parto de la movado entute, ĉar la movado en nunaj kondiĉoj estas aŭ malforta, aŭ aparta.

Se iu el vi ekstreme bezonas lukti, por vi Esperanto ne iĝos vere grava perdo – ĉiam apudas similaj "luktantaj" organizaĵoj, necesas elspezi nur iom da fortoj por trovi kaj iom da streĉoj por novici. Fakte, la disdivida demando, ĉu por ni pli gravas ideologio aŭ avantaĝoj, ligitaj al ĝi, estas jena: *Se por mi iĝus evidente, ke ekzistas pli efikaj rimedoj servi al homa interkompreno kaj toleremo ol Esperanto – ĉu mi pretas lasi la movadon?*

Kiuj duboj, ni ja restas luktantoj?! Certe, la medio. "Amikoj-luktintoj" ne estas tiom belsona interne, kiel "amikoj-luktantoj". Novaj amikoj, kaj ree – novaj fortoj por trompi nin, ni ja luktas nur image.

Mi faras momentan resumon, ĉar iom perdas la sinsekvecon.

Se ni volas ke Esperanto estu grava internacia (lingvo), ni povas konduti kvazaŭ ĝi jam estas tiu. (NB: "konduti" ne estas sinonimo de "deklari", ĉu ne?).

Tio signifas:

- Por la historio – lasi ĝin al historiistoj, kaj ne plu emfazi al la lernantoj. De ideologia flanko tio eĉ plie gravas, ĉar por interkompreno kaj toleremo pli valoras ke lernanto ekinteresiĝu per Esperanto pri iu alia lingvo, ol pri la movado.
- Por nuntempo – uzi kaj mencii Esperanton, kvazaŭ ĝi jam estas vaste uzata kaj vaste lernata (por nebonvenaj rondoj: -ota). Krom la cetero, la pozicio estas pli pozitiva (bonhumora).
- Por estonto – ne plu rigardi nin (eĉ trompe) kiel luktantojn, kaj niajn amikojn kiel kunbatalantojn (kontraŭ neesperantistoj?!).

Nuntempe ĉiujn penojn pligrandigi la rolon de Esperanto en la mondo ni povas priskribi kiel konsekvencon "novico(j) – membro(j) – klubo(j) – asocio(j) – politikinfluo(j)". La konsekvenco, eĉ kiam ne stumblas preskaŭ en ĉiuj transiroj, funkcias nur por si mem, por sia ekzisto, aŭ, pli precize – vegeto.

La vegeton atestas ne nur falanta kvanto de la membroj en la konsekvencaj ŝtupoj, sed ankaŭ struktura konstanteco. Ni provu fari paralelojn al tekniko: se iu strukturo ne povas efike plenumi siajn funkciojn, ni strebas fari alian strukturon (unu el la esceptoj: se la strukturo iĝis por ni pli grava, ol la funkcioj – tiukaze ni trompos nin, ke la strukturo iam povas fruktodoni). Ial multas la esceptoj.

Kio estu alia strukturo rilate al Esperanto?

Vi povas imagi jenan situacion: vi eniras vendejon por decidi ĉu vi bezonas iun konkretan varon aŭ por jam aĉeti tiun. Anstataŭ vendi al vi la varon (aŭ rakonti pri ties avantaĝoj POR VI) la vendistoj komencas *paroli* pri glora historio de la vendejo, pri ĝia nuna bonstato kaj estonta bonfarto. Se vi, malgraŭ la obstakloj, aĉetas la varon kaj strebas eliri (eĉ diras: "Dankon") do la vendistoj *ial* vere koleriĝas, – eĉ ofendiĝas! Kial do!? Ili ja ial decidis, ke vi nepre DEVAS resti en la vendejo por mem iĝi vendisto. Kaj multe labori (ne gravas ke ŝajnige) sen havi salajron.

Ĉu al vi plaĉas la vendejo?

Kaj vi komprenas, ke la varon (nian amatan lingvon) eblas vendi ne nur tiumaniere. Homo, kiu interesiĝas pri la lingvo ne devas (mi diru – *ne ŝuldas* – por emfazi la sencon) nepre interesiĝi pri la movado, nek pri ĝia historio. Kaj li rajtas foriri tuj post "la vendado". Kaj ni sincere danku ĉiun veninton.

*Se fini la temon de vendejoj, mi prognozu, ke la kvanto de senhomaj vendejoj en proksima tempo konstante pligrandiĝos (pere de komputilaj retoj kaj ne nur).*

Mi refaras momentan resumon: se ni volas ke Esperanto estu grava internacia (lingvo), ni povas konduti kvazaŭ ĝi jam estas tiu.

Tio signifas:

- Anstataŭ instruisto (reklamisto) «kiaj-bonaj-ni-estas,-ankaŭ-vi-devas-esti-bona» aperindas instruisto sen interlim(ig)o: ni – ili. Lernado de la lingvo devas esti ne hipnota, sed libera elekto de libera homo. Plie rimarkendas ne avantaĝoj, ligitaj al la movado, sed avantaĝoj, ligitaj al la lingvo (propedeŭtiko, interna ordo, neŭtraleco).

Ni estas nur homoj, por ni vere gravas la menciita disdivido NI – ILI. NI estas bonaj, ni diras unu al la alia, ke ni estas vere bonaj. NI kolektiĝas por diri unu al la alia, kiom ni estas bonaj. NI estas bonkoraj, – ni eĉ invitas al niaj renkontiĝoj ceterajn homojn, kiuj dume apartenas al ILI: ili ja ankaŭ povas iĝi bonaj, se ili aliĝos al NI.

La disdivido NI – ILI nun ne nur protektas la movadon, sed ankaŭ konservas ĝin.

La plej amuza paradokso de la nuna movado estas jena: **la movado mem estas obstaklo por ties deklaritaj celoj**.

Ni refoje diru la celojn: kompreno kaj toleremo inter homoj. La kampon, kie loĝas la celoj ni povas nomi per tre antikva nocio: paco. Sinsekve, la celoj mem estas sencokampo por la rimedoj (rimarko el Makiavelli: morala celo havas moralajn rimedojn, kaj inverse – moralaj rimedoj certigas ke la celoj estas moralaj).

Inter niaj nunaj rimedoj mi nomu nur du polusojn:

- pligrandigo de klubmembra kvanto,
- inter-kultura (-nacia, -religia, -geografia ktp) konatiĝo de diverslandaj homoj.

Moralo de la unua estas: "ju pli da homoj el ILI iĝos NI, des pli bone". De la dua: "ne estas fortikaj bariloj inter homoj: nek naciaj, nek religiaj, nek geografiaj, nek politikaj". Ĉu estas iuj duboj pri la moraleco?

Verdire, homa psikologio postulas iun ILI por pli komforte ekzisti (en brakumoj de NI). Kaj aperas kontraŭdiro: nia vera celo estas malapero de naciaj, politikaj, religiaj, geografiaj ktp bariloj por homa interkompreno kaj toleremo. Sed homoj strebas havi limo(j)n NI – ILI por sia komforto. Nemultajn esceptojn oni nomas "vere matura" (en esotera literaturo) aŭ "psike sana" (en psikologia literaturo). La esceptoj bezonas aparteni al neniu NI (esperantistoj, komunistoj, rusoj, ateistoj ktp), do ili strebas kontraŭstari al neniu ILI (neesperantistoj, fremduloj ktp).

Rimarkindas, ke Esperanto-medio helpas al novvenintoj fari kelkajn paŝojn al "psika sano", samkiel varmobedo helpas kreski al plantoj (se la plantojn oni kreskigas por posta plenmatura ekstera vivo). Sed post ioma tempo nemalmultaj plantoj strebas resti en la ejo

por komforto. Vere malmultaj restas por reale apogi la konstruaĵon. Mi ne daŭrigu, ĝi estas aparta parolo.

La situacio estas kontraŭdira: por ekzisto de la organizaĵoj kaj komforto de ties membroj necesas zorgi la limon NI – ILI. Sed por la celoj de la organizaĵoj necesas forigi la limon (pluse, se iu organizaĵo faras neniujn penojn direkte al deklaritaj celoj sed nur ĝuas propran ekziston, ĝi senevite putras kaj disfalas aŭ renversas la celojn).

Kontraŭdiroj estas forigendaj. Speciala literaturo proponas jenon:

- «malplenaj» (aeraj, imagataj) limoj anstataŭ realaj; kompensaj influoj kontraŭ malbonaj efikoj;
- uzado de specialaj aldonoj (iom da ILI en ĉiu NI): se ne eblas aŭ malfacilas fari ordinarajn aldonojn, do indas fari lokajn, sed tre aktivajn; ĉieajn, sed por nelonga tempo; "pufigitajn" ĝis necesa dimensio; rapide moviĝantajn…

Ĝi estis nura provo pensi. Vi povas daŭrigi la aferon.

Fakte, mi pensis nur pri mi mem, do por Vi ne estas eĉ iu preteksto ofendiĝi aŭ enpensiĝi.

Mi pardonpetas pri ioma malordo de la artikolo, des pli agrable ke Vi finlegis. Sinceran dankon!

***Aleksej Besĉastnov (Moskvo)***

---

## IOM DA MEDITOJ

Saluton, amikoj! Ĉi decembro estis por mi tute ne aktiva E-monato: mi ne veturis al E-renkontiĝoj, ignoris klubajn aranĝojn, ne legis E-librojn kaj ĵurnalojn kaj preskaŭ ne reagis al abundo de ret-mesaĝoj. Sed hazarde mi trovis en mia teko liston kun "temoj de eseoj por ĈALK-ekzamenoj" (mi ne memoras ĝuste kies estis ĝi). Kelkaj el ili min iom ŝokis kaj igis min skribi ĉi artikolon. Deziron mian varmigis ankaŭ reta reeĥo de Evgenij Sergeeviĉ Perevertajlo al unu el miaj artikoloj pri ideoj de Esperanto.

Do, inter proponitaj por dezirantoj pasigi ĈALK-ekzamenon eseaj temoj mi elektis jenajn:

- Neniu privilegio al ajna popolo, al ajna lingvo.
- Loĝata insulo de esperantistoj.
- Kiel la homaro solvus la lingvan problemon, se Esperanto ne ekzistus?
- Kion signifas lingva diskriminacio?
- Esperanto kiel pinto de logiko kaj simpleco.
- Ĉu esperantistoj diferencas de normalaj homoj?
- Genieco de Zamenhof.

Tuj frapis min iu diseco: samtempe oni diras pri egaleco de lingvoj, sed Esperanto estas pinto, kapabla solvi la lingvan problemon (se ne jam solvis). Ĉu tio ne estas "lingva diskriminacio"? Oni diras: "neniu privilegio al ajna popolo", sed samtempe esperantistoj estas aparta insulo kaj ŝajne diferencas de normalaj (aliaj?) homoj.

Kio, tamen, estas celo de Esperanto? Ekzemple E.S.Perevertajlo skribas, ke ĉefa afero por esperantistoj estas "informi pri Esperanto, instrui Esperanton, utiligi Esperanton". Ĉu temas pri internacia lingvo, aŭ pri Esperanto? Ja rolon de internacia lingvo nun plenumas la angla, ĉu? Kaj jam multaj centoj da milionoj povas komunikiĝi pere de la angla. Ĉu ili devas lerni kroman internacian lingvon? Sed por kio: nur pro genieco kaj simpleco? Certe lerni Esperanton estas multe pli facile ol la anglan, sed Esperanto ne estas tute neŭtrala lingvo por multaj. Ĝi ja estis kreita surbaze de eŭropaj lingvoj, ĉu? Kaj tio signifas, ke multaj homoj el

Ĉinio, Koreio, Japanio pli facile lernus iun internacian lingvon, kreitan surbaze de iliaj lingvoj?

Eble vi pensas, ke Esperanto estas neŭtrala, ĉar ne apartenas al iu konkreta popolo kaj ne havas propran kulturon? Ne! Jam ekzistas "loĝata insulo de esperantistoj", kiuj havas propran kulturon: librojn, kantojn, famulojn, organizaĵon, historion, duondion "genian Zamenhofon". Laŭ mi la angla malpli apartenas al iu konkreta popolo nun kaj havas multe pli vastan kaj interesan kulturon.

Denove demandoj, demandoj, sed kiel trovi respondojn kaj ĝustan vojon? Laŭ mi, tiu vojo estas ie en internaj ideoj de d-ro Zamenhof kaj lia kreaĵo.

***Amike, Vitalik Malenko (Moskvo)***

## INTERTEMPE EN INTERRETO

Dum REK-21 en Kostroma la kongresanoj povis partopreni en la seminarieto pri kreado de TTT-paĝaroj, kiun gvidis Slavik Ivanov, kaj en diskutrondo pri Interreta agado gvide de Slavik Ivanov kaj Nataŝa Grigorjevskaja. Materialoj por la seminario estas publikigitaj ĉe la paĝaro de REJM <http://www.tejo.org/rejm/ret-seminario.php> – do vi povas lerni memstare kaj poste propraforte fari bonan personan paĝaron. Se vi kunorganizas iun aranĝon, ne forgesu anonci ĝin ĉe <http://www.tejo.org/rejm/arangxoj.php>! Dum la diskutrondo pri Interreto evidentiĝis, ke multaj E-istoj venadas tien por ekscii la novaĵojn. La ruslingva dissendo "Novosti Esperanto-dviĵenija" ekhavis bone aranĝitan arkivon de ĉiuj siaj numeroj. Krome aperis "novaĵbendo" de la plej freŝaj novaĵoj. En la sama paĝaro <http://www.ikso.net/novosti> estas formulareto por aboni "Novosti...". La REJM-paĝaro <www.tejo.org/rejm> ekhavis propran forumon anstataŭ la antaŭe ekzistinta gastolibro. Evidentiĝis, ke havi forumon estas multe pli oportune – ja en ĝi povas lasi siajn impresojn gastoj (same kiel en gastolibro), sed ankaŭ REJM-anoj povas sufiĉe vigle, preskaŭ kiel en ret-babilejo, pridiskuti iun "ardantan" problemon. Kadre de la projekto "Reklamu Esperanton en la Reto" aperis nova TTT-paĝo <http://www.tejo.org/rejm/reklamo.php> kun kelkaj reklambildoj pri Esperanto, kiujn vi povas facile uzi kaj senpere kaj en diversaj reklam-retoj. Certe, vi povas proponi ankaŭ proprajn reklam-bildojn por la projekto.

***Slavik Ivanov (Sankt-Peterburgo)***
*REJM-komitatano pri Interretaj instruado kaj informado*

## REJM-KOTIZOJ POR LA JARO 2002

**80 rub. – individua kotizo** (inkluzivas la insignon, REGon, aliajn informojn, eblecon partopreni en REJM-seminarioj, voĉdonrajton dum REJM-konferenco, rabatojn dum E-aranĝoj kaj ĉe uzo de servoj de REJM);

**30 rub. – la samo sen REGo;**

**15 eŭroj – por eksterlandanoj;**

**ne malpli ol 200 rub. – patrona kotizo.**

La rublajn kotizojn sendu poŝte al la financisto de REJM-komitato Ĵuravljova Jevgenija Valerianovna ***(str.Algeŝevskaja 25A, 428012 Ĉeboksari)*** aŭ transdonu al eventuala REJM-komitatano en via urbo.

La eŭra kotizo pagendas al la konto ***kklg-r*** ĉe UEA.

Atentu ke rajtas re-aliĝi la membroj-2001, ĉiuj aliaj devas trapasi REJM-ekzamenon aŭ A-nivelan ekzamenon de ĈALK de REU.

La demandojn bv. sendi al la adresoj de REJM (vidu en la tria kovrilpaĝo).

## EN IVANOVA E-KLUBO

Dum lastaj jaroj Rusion vizitas multaj eksterlandaj gastoj. Ili alvenas ankaŭ en nian urbon kaj nian E-klubon: homoj de diversaj landoj, aĝoj kaj profesioj. Unu el ili estis altstatura franco el Avinjon (Avignon), eksinstruisto pri matematiko. Li akceptis plezure la inviton al unu el urbaj lernejoj, kie ĉeestis la feston de lasta lernotago. El la vizitindaĵoj aparte ĉarmis nian gaston rusa banejo, situanta en la korto de privata ligna domo de nia klubanino en ĉirkaŭaĵoj de la urbo. Geedzoj el Bordo (Bordeaux) kun granda intereso esploris la funkciadon de limonada uzino kaj de mebla kombinumo. Impresis la paron vizito al tipa rusa vilaĝo, kie oni neniam antaŭe renkontis eksterlandanojn kaj la unuaj el ili estis akceptitaj larĝanime, bonkore kaj gastame. Iun vintron vizitis nian urbon juna nederlandano, kiu ŝategis rusajn frostojn kaj eĉ kuraĝis partopreni en regionskala sketkonkuro. Belsone parolanta kaj ŝatanta kanti sperta itala esperantisto rakontadis pri siaj travivaĵoj kaj sia ĉarma lando. Eleganta angla sinjoro el Manĉester (Manchester), profesia aktoro, konata kun kelkaj el ni, estis netipa brito kaj multe ŝercis. Finna maresploristo ŝatas sanan vivmanieron kaj estas vegeterano. Li aktive partoprenis la prezentiĝon de nia E-klubo en unu el urbaj lernejoj okaze de la Tago de Lingvoj. Dum la Tria Lingva Festivalo ĉina kuracisto prezentis al ĝiaj partoprenantoj sian gepatran lingvon. Li mirigis nin per sia volo kaj persisto ellerni la rusan lingvon.



*teumado kun la gastoj dum IvERo-2*

Volonte ni montris al niaj gastoj nian urbon, ĝiajn muzeojn, ekspoziciojn kaj, tutcerte, la fame konatajn antikvajn urbojn de la regiono: Suzdal, Paleĥ, Kostroma, Pljos. Ĉe Volga ili admiras larĝecon de la rivero kaj ne preterlasas eblecon navigi per ŝipeto. Promenoj tra betula bosko ravas niajn gastojn. Aparte neforgeseblaj al ili estas la renkontiĝoj en amika E-rondo kun niaj klubanoj ĉe rusa samovaro. Aroma teo kaj bongusta kuko vigligas la interparolon. Iom post iom eksonas la gitaro. Kaj la komuna E-kantado kronas la forirantan vesperon. Ĝis revido, karaj geamikoj!

***Tatjana Loskutova***

***

La 17-an de novembro 2001, kadre de Eŭropa Jaro de Lingvoj, en Ivanovo okazis la 3-a Lingva Festivalo. Ĉefa organizanto de la aranĝo estis Ivanova E-klubo.Certan helpon la klubanoj ricevis en la regiona komitato de la sindikato de popola klerigo kaj scienco. Ĝia estrino partoprenis en la inaŭguro kaj kelkaj prezentoj. Tradicie la LF okazis en formo de lingvoprezentoj. La aranĝon, kiu ofertis 26 lingvojn (el ili 2 apudlingvojn), vizitis pli ol 200 personoj. Multaj el ili partoprenis en la 2-a, pasintjara, festivalo kaj intencas veni al la 4-a venontjare. La sekcion pri Esperanto gvidis V.Poltirev, T.Loskutova kaj A.Obrezkov, nuna prezidanto de nia urba E-klubo. Post kvin serioj de prezentoj multlingva kaj multnacia koncerto solene fermis la LF-on.. La plej brila ĝia programero, laŭ opinio de plejmulto, estis

kanto en lingvo de gestoj. Nian LF-on vizitis gesamideanoj el Ĉuvaŝio kaj Ĉinio, kiuj aktive partoprenis en la programo. Ĉi-jare inter helpantoj de organiza teamo multis komencantoj; iliajn opiniojn ni prezentas sube.

***Aleksandr Petrov:*** En la Festivalo de Lingvoj mi partoprenis unuan fojon kaj pro tio rimarki negativajn momentojn de la programo malfacilis. La aranĝo entute donis ĝojigan impreson. Mi sukcesis viziti prezenton de la germana lingvo, do mi taksas la Festivalon laŭ ĝi. Estis interese kaj gaje. Komunikado kun la prezentanto ne nur donis utilan informon pri Germanio, sed ankaŭ plibonigis la humoron. Pri disdivido de laboro dum la festivalo mi pensas, ke estus pli bone grupigi klubanojn popare: unu spertulo+unu komencanto. Tamen estis BRILE!



*la festivalon salutas ĉina gasto*

***Tamara Andreeva:*** Mi tre ŝatus, ke la aranĝo iĝu tradicia en ĉiu urbo, en ĉiu lando.

***Maksim Goldin*** (pli ol komencanto!): La tutan Festivalon mi pasigis en vestgardejo! Sento de respondeco ĉe junaj esperantistoj estas tre malalta. Mi ŝatus iom variigi mian tempopasigon dum venontjara Festivalo. Tamen mi sukcesis viziti prezenton de la gota lingvo. Estis TRE interese. Sed la plej memorinda estis tute neplanita kanto "Kukolo" en plenumo de junaj ivanovaj esperantistoj dum koncerto. Gaje kaj mirinde!

***Irina Galicina***

***


*Andrej Obrezkov*

Certe, mi ne estas tro originala, sed mi ege volas rakonteti pri Zamenhof-tago en Ivanova Esperanto-klubo. Kial? Ĉar ĝi estis vera evento por sperta kaj freŝa anaro de la klubo kaj por ĝiaj gastoj. Entute ĉeestis 27 personoj, el kiuj kvin estis la familio de Obrezkov. Inter ceteraj ankaŭ estis familianoj, sed maksimume po du personoj. Ĉeestis du (bedaŭrinde nur du) membroj de Junulara E-Teamo kaj la jam sufiĉe fama Wang Huai Yu, kiuj partoprenis en preskaŭ ĉiuj eroj de la programo. Kaj tiu estis varia. Certe, komence oni aŭskultis la rakonton pri nia Majstro en plenumo de Maja Loskutova, poste sekvis akcepto de novaj klubanoj, entute sep personoj, kiuj solene ĵuris esti fidelaj al la Lingvo Internacia. Kaj post tiu pli malpli oficiala parto ĉiuj ĉeestintoj partoprenis en diversaj lingvaj konkursoj, komuna kunkantado kaj, certe, la tradicia teumado. Ni certas, ke similaj aranĝoj pasis en pluraj kluboj, estus bone, se oni rakontus pri propra sperto de organizado de ĉi tradicia evento. Kontaktu nin laŭ la retadresoj <obran@rambler.ru> aŭ <lota@i1.ru>.

***Prezidanto de IEK Andreo Obrezkov***

## NOVAĴOJ EL NABEREĴNIJE ĈELNI

En oktobro estis TV-elsendo pri nia klubo en la loka programo "Bonan matenon, Ĉelni!". Oni iom rakontis pri la lingvo kaj montris kelkajn intervjuojn de geklubanoj. Antaŭnelonge aperis malgranda artikolo pri Esperanto kaj la klubo en la loka ĵurnalo "Ĉelninskije Izvestija".

El Japanio venis al ni letero kun la informo, ke tie oni skribis en japana ĵurnalo pri nia agado en Jelabuga.

La ĉelnanoj ankaŭ partoprenis en TERo-5, kiu okazis en Kazanj. Jen estas kelkaj impresoj.

***Julja Abduraĥmanova:*** "TERo al mi tre plaĉis. Tiuj ĉi tagoj estis por mi magia fabelo, fabela sonĝo reale. Mi interkonatiĝis kun multaj interesaj, enigmaj homoj. Kun kelkaj el ili mi korespondas, kaj esperas, ke ni estos bonaj amikoj ne nur koresponde. TERo por mi estis la 2-a E-renkontiĝo, kaj estis tiom agrable vidi jam ekŝatitajn konatajn vizaĝojn. Mi ne bedaŭras, ke veturis al tiu ĉi renkontiĝo, kaj esperas, ke ĝi estos ne lasta TERo en mia vivo. Mi opinias, ke E-renkontiĝoj en nia monotona vivo estas speco de iu agrabla varieco, dank' al kiu ĉe ni aperas bonaj ebloj interkonatiĝi kun multaj homoj el diversaj urboj. Ĉar estas ja tiom agrable, kiam en alia fora urbo estas iu, kiu ĝojos pri renkontiĝo kun vi."

***Miĥail Buĥanov:*** "Al mi en TERo-5 plaĉis ĉio. Tie estis bona etoso, gaja. Se oni kun iu komunikas, tiu ŝajnas jam bone konata. Matene, kiam ni maldormiĝis – estis io nekutima. Ni vekiĝis kun muziko! Kaj plej grave – ĝi estis sufiĉe laŭta. Eble al iu tio ne plaĉis, sed por mi tio estis bonega. Kun multaj mi interkonatiĝis, precipe el Ĉeboksari kaj Novoĉeboksarsk. Ankaŭ estis ekskurso, kvankam pluvis, sed mi tutegale promenis tra Kazanj."

***Tolik Skvoznikov:*** "Mi tre ĝojas, ke veturis al Kazanj. Tio estis mia dua E-renkontiĝo. En la unua tago, kiam ni venis, plej malfacile estis trovi lokon, kie estos TERo, kaj ni serĉis ĝin dum horo kaj duono (*laŭ mi – malpli, kaj sen iuj malfacilaĵoj – N.N.*); pro tio, ke ni estis triope, ni ne enuis, kvankam ĉiuj laciĝis post veturado. Sekvamatene je la 8-a – vekiĝo kun muziko. Ĉi tio estis io eksterordinara, kaj eĉ bonega: ne simple vekiĝi, sed tuj ĝi voligas salti, kaj la dormo malaperas. Plue komenciĝis kursoj por progresantoj kaj tie mi devis rakonti pri mi en Esperanto (tio estis ne tre facila, ĉar mi malbone parolas, tamen mi sukcesis). Al mi ege plaĉis prelego pri la temo "Inetkompreniĝo", mi klarigis al mi, al kiu kategorio de homoj mi apartenas. Kvankam por praktiki Esperanton tempo por mi malmultis, sed ĉe mi aperis novaj amikoj, kio min tre ĝojigas."

***Natalja Nazariĉeva***



*kaj tiu ĉi bildo prezentas eventon en E-klubo "Verda fajrero" (urbo Ĉusovoj); la gvidantino de la klubo Rimma Roganova enmanigas la atestojn al la kursfinintoj*

# Eksciu, ke...

## EN ĈEBOKSARI OKAZIS NEBO

Nia tradicia novajara E-renkontiĝo NEBo-5 (“Novjarfesto En Betularo”) okazis 01-02.01.2002 kaj pasis bonege (kiel ĉiam)!

Temo de NEBo estis “Novjara sdvig” (mi ne scias, ĉu eblas traduki simple “delokiĝo”, ĉar ruse tiu vorto estas dusenca), ĉar por ni Novjaro delokiĝis je unu tagnokto. Partoprenis ĉ.60 geesperantistoj el Ĉeboksari, Novoĉeboksarsk, Kazanj, Uljanovsk kaj Moskvo.

Komence okazis Interkona Vespero, poste ni poteame preparis amuzajn fabelojn (4 teamoj – 4 fabeloj), poste okazis kurso de bela danco “Polonezo” kaj certe tre abunda kaj bongusta novjarfesta manĝado! Poste komenciĝis novjarfesta programo ĉirkaŭ granda Novjararbo. La programon tradicie gvidis Avo Frosto kaj Neĝulino, sed nun ili ankaŭ “sdvinulisj”: Avo Frosto estis la belega Luba Ĥaritonova kaj Neĝulino estis mi (Serĉjo Tiĥonov)! Kaj ĉiuj diris, ke mi estis la plej bonega, amuza, bela kaj ĉarma Neĝulino! Ni dancis polonezon kaj poteame prezentis niajn amuzajn fabelojn (la plej bona estis la fabelo “Cindrulino” prezentita de “ruĝa teamo”, oni eĉ proponis nepre ripeti ĝin dum EoLA-14)!

Poste (tutnokte) okazis bonega diskoteko kun la plej diversa muziko (grandan dankon al nia disk-ĵokeo Sergej Petrov, kiu sukcesis flati ĉiujn). Dum la nokto okazis ankaŭ longa komuna kantado kaj novjaraj aŭguradoj (tradiciaj rusaj, per tarokoj kaj per ĉina “Libro de ŝanĝoj”). Matene ni iomete dormis (de la 6-8-a ĝis la 10-a). Post la dormo okazis karate-gimnastiko, preparita de niaj karateistoj Sergej Petrov kaj Viktor Nosov! Poste ni preskaŭ tuttage ludis tradiciajn E-ludojn. Do, ĉio estis “kruta”!

***Sergeo Tiĥonov (Novoĉeboksarsk)***

## ZAMENHOF-TAGOJ EN ODESO

Iun fruan, frostan malluman matenon juna frenezulino kuraĝe piedpaŝis sur neĝa strato, murmurante por si mem: “Nu, mi povas kompreni min, ke mi tiel frue estas en la strato, sed kien ili rapidas sabate matene, kiam ĉiuj normalaj homoj dolĉe dormas en propraj litoj?!”. Tiu frenezulino estis mi, ĉar matene la 15-an de decembro mi devis renkonti la grupojn de junaj kaj ne tro junaj geesperantistoj el Kievo kaj poste el Jalta. Post kiam la trajno venis ni kune bedaŭris ke sinjoro Zamenhof naskiĝis vintre, sed ni ankaŭ devis danki lin, ĉar sen li ni ĝenerale ne renkontus unuj la aliajn.

Jam tradicie komenciĝis Odesaj Zamenhofaj tagoj. Ses lernantoj el Kievo sub gvido de Mikaelo Lineckij, Svetlana Pogorelaja, instruistino el Kievo, kaj kvar studentoj el Simferopol kolektiĝis en Odesa stacidomo kaj ridante direktis sin al bazejo por enloĝiĝi.

Ĉio pasis laŭ la programo: registriĝo, matenmanĝo, ekskusro al muzeo. Inspiritaj al pli preciza esploro de la urbo, niaj gastoj kuraĝe ĉirkaŭurbis laŭ la reguloj de Urba ludo. Preskaŭ falantaj pro la lacego, sed tre kontentaj ĉiuj kolektiĝis ĉe la monumento de Duko de Riŝelje. Laŭ la malsataj okuloj, mi komprenis ke venis tempo por urĝe trovi iun proksiman manĝejon: ja mi ne volis ke esperantistoj de Kievo kaj Jalta famiĝu pro kanibalismo. Je la kvina vespere komenciĝis la koncerto de gastoj kaj gajaj ludoj fare de majstroj. Mikaelo Lineckij gratulis ĉiujn okaze de la 142-jariĝo de Zamenhof kaj rimarkis ke dank' al nia rekontiĝo geknaboj el Kievo povas piedpaŝi dum 5 horoj – tio neniam eblas en la ĉefurbo de Ukrainio. Aŭskultante Esperantajn kantojn en plenumo de Paŝa Moĵajev – juna esperantisto-

instruisto el Jalta, niaj koroj varmiĝis pro la pensoj ke kune ni komprenas unu la aliajn kaj ke la ridetoj de apudaj vizaĝoj estas sinceraj kaj la plej varmaj. Nin invitis niaj amikoj el alia odesa Esperanto-klubo "Blanka Akacio". La koncerto pasis en la Kverka halo de la gastama Domo de Sciencistoj kaj flue translokiĝis al nia klubejo. Dum ni ludis intelektajn ludojn ne-rimarkeble pasis la tempo. Jam dormemaj gastoj entrolebusiĝis kaj venis al la bazejo por esti pretaj al la sekva tago, kiu promesis esti eĉ pli interesa kaj abunda de impresoj.

Mendita de kievanoj vojaĝo al katakomboj komenciĝis en la vilaĝo Nerubajskoje, proksime de Odeso. Gvidanto de grupo de speleologoj A.Samorukov avertis ĉiujn nin strikte subteni la vicon, por ne perdi iun. Ni subiĝis unue al muzeo, kie ni vidis kiel vivis partizanoj, kiel ili pasigis la tempon. Ofte ili devis loĝi tie dum duono de jaro. Fakte ĉiuj partizanoj el Odesaj katakomboj pereis dum la milito kaj nun nur skribaĵoj sur silentaj muroj memorigas pri tiuj suferplenaj tagoj. Deteninte la spiradon, ni lumigis niajn lanternojn kaj atente moviĝis en malvastaj koridoroj. Ni sentis, ke post la sekva angulo nin atendas iuj surprizoj, iuj ne malkovritaj misteroj. Sur la tero estis -10 gradoj, sed en la katakomboj ni volis demeti ĉiujn vestaĵojn ĉar la temperaturo estis sufiĉe alta: +14. Krome ni dum sufiĉe longaj interspacoj devis duonkurbiĝi ĉar la plafono danĝere pendis supre. Aleksandro Samorukov rakontis al ni, kiamaniere la katakomboj aperis, kiel oni elminigis la ŝtonojn. Ni sentis konstantan influon de historio, de la pasinto. Ĉiuj rimarkis ke subtere pli komforte sin sentas malaltaj homoj, precipe infanoj. Sed ankaŭ aĝuloj en tiu etoso de mistero revenis al infaneco, kiam ĉio estis plensekreta kaj alloga. Dum du horoj ni esploris mallumajn koridorojn de subtera urbo. Estis poste agrablege enspiri freŝan vintran aeron kaj rideti al brilanta suno. Do, sen viktimoj kaj plenaj de impresoj ni revenis al Odeso. Nin atendis ankoraŭ unu programero – filmospektado. Tatjana Auderskaja montris al la gastoj E-filmon pri naturo de Dnestraj kanejoj, kreitan kune kun Japana E-Asocio de Jokohamo. Akompanante niajn gastojn al la stacidomo ni denove plonĝis en etoson de amikeco, fluantan inter esperantistoj. Kaj ni havis kun kio kompari. La Lingva Festivalo organizita ĉi-novembre montris al ni kiom agrable kaj kviete estas labori kun samideanoj.



*en katakombo*

Similaj renkontiĝoj instigas nin al plia laboro kaj pliaj renkontiĝoj kaj Esperanto-aranĝoj.

***Olga Gribovan (Odeso)***

## UNUAFOJE EN KALININGRAD

Malfermante la Zamenhofan Semajnfinon en Kaliningrad, Maksim Kejda emfazis, ke ĝi estas la unua internacia E-renkontiĝo en ĉefurbo de la plej okcidenta regiono de Ruslando. Por tiu unuafojaĵo 15-16.12.2001 en Kaliningrad kunvenis 24 esperantistoj el Litovio, Pollando, Svedio kaj Ruslando.

La sabata programo okazis en la Kulturpalaco de maristoj (eksa borso de Königsberg), ornamita per sloganrubando pri Esperanto. Kadre de seminario pri balta kunlaboro Edward

Kozyra (Pollando) kaj Bengt Nordlöf (Svedio) prezentis interesajn projektojn, en kiuj planas partopreni ankaŭ esperantistoj el Kaliningrad kaj Klajpeda.

La redaktoro de "La Ondo de Esperanto" Aleksander Korĵenkov prelegis dufoje: pri Gaston Waringhien okaze de ties centa naskiĝdatreveno, kaj pri la eksterlingvaj ideoj de Zamenhof. Krome li rakontis pri Esperanto al la urbanoj, kiuj venis al la seminariejo dank' al gazeta kaj radia informado. La partoprenantoj kaj urbanoj plezure konatiĝis kun okpanela fotoekspozicio farita el la plej interesaj fotoj, senditaj al la Internaciaj Fotokonkursoj de "La Ondo de Esperanto".

Ĉar la ruslandanoj (nur 10) estis malpli multaj ol la gastoj (14), la etoso estis vere internacia, precipe en la sabata vespermanĝo. Dimanĉe Maksim Kejda promenigis la alilandajn gastojn kaj kelkajn kaliningradanojn tra la urbo de Kantio.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## UNU MONDO – KVIN KONTINENTOJ

Ĝuste tiu estis la baza temo de la 18-a Internacia Festivalo (IF), okazinta dum la jarŝanĝo (27.12-03.01) en Magdeburgo, Germanio. Laŭ mi, apenaŭ eblus pli impona prelegantaro por tiu, – juĝu mem, – d-ro Werner Bormann kun la triparta "Tutmondiĝo", d-ro Wim de Smet kun "Afriko kaj afrikanoj", Edmilson Lima Serejo kun "Brazilo kaj Fortaleza", Ulrich Brandenburg, Maria Beloŝeviĉ, Liba Gabalda... Kompatu ni la partoprenantojn, kiuj devis elekti inter du-tri saminteresaj prelegoj, okazantaj samtempe.

Do, dank' al sinofera (mi diru sen troigo – dumviva !) laboro de la inspiranto kaj ĉeforganizanto Hans-Dieter Platz, pli konata kiel HDP, jam la dekokan fojon pli ol ducent personoj el dudeko da landoj venis por kune ĝui la prelegaron kaj aliajn distraĵojn, i.a la Novjaran nokton. Ĉar la lasta kutime estas familia festo, multaj venis tutfamilie. Pli ĝuste – venis por festi en la familia rondo, ĉar ĉu ne duono el ili venas al IF jam pli ol dekfoje. Ĉirkaŭ dudek novicoj, venintaj unuafoje, eĉ ricevis klarigan prelegeton pri tradicioj de IF kaj inspirigan koktelon.

Deko da rusianoj invadis ĉi-foje IF-on, aktive partoprenante la programon. Irina Gonĉarova brile prelegis pri propraj spertoj en E-instruado. Abduraĥman Junusov prezentis dagestanan arton. Sveta Brovceva kaj Ira Galicina ne nur mastregis en la Knajpo (la plej fama trinkejo en Esperantujo), sed ankaŭ prezentis al la publiko utilan lecionon pri kuirado de uzbekaj "Manti". Mi partoprenis per la prelegoj "Jen – Vorkuta" kaj "Vivo kaj poezio de Puŝkin" kaj per kantado vespera. La rusian teamon de IF vi povas vidi en la foto. Mankas nur Elena Puĥova, kiu foriris pli frue, tamen donacis al IF-anoj ravan koncerton.



*la rusianoj invadis IF-on*

Ne mankis en la programo de IF ekskursoj – la tuttaga al Wittenberg – urbo de Martin

Luther, kaj kelkaj tra Magdeburgo, i.a. la plej interesa laŭ mi al la muzeo de la fama sciencisto Otto von Guericke. Ĉeestis ankaŭ vigla danckurso – ĉiutage po horo, bakkurso, jumejho-terapio...

Kaj venis la Novjara nokt'! Tiu admirinda Silvestra balo, sinsekva renkontado de la Novaj jaroj – rusa, litova, eŭropa, brita... mi ne havis jam forton por renkonti la usonan-brazilan, ĉar tro aktive por mia aĝo dancis kaj festenis...

Ĉi tiu IF estis la unua por mi. Sed havante sperton pri similaj alilandaj E-aranĝoj mi kuraĝas nomi la organizon de IF modela kaj preskaŭ perfekta. Pro tiu fakto ne nur mi, sed, versimile, la tuta teamo rusia jam aliĝis al IF-19, okazonta en akvokastelo Borken-Gemen sude de Munster la 27.12.02 – 03.01.03. Laŭ la reguloj de IF rajtas aliĝi la unuan fojon nur la personoj ĝis 55-jara aĝo. Do, ne prokrastigu vian aliĝon!

Post fino de IF du uloj el la rusia teamo ekis prelegajn rondvojaĝojn – mi – al sep urboj de Germanio, A.Junusov – al dekkvin urboj de Francio. Tamen pri tio – poste.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

***

*Samtempe kun IF okazis junulara Internacia Seminario (IS) en alia germana urbo Rotenburg. Ĝi estis eĉ pli tradicia, ĉar okazis jam la 45-an fojon. Kiel rakontis la partoprenintoj, la etoso kaj programo de tiu ĉi IS esence ne diferenciĝis de tiuj dum la antaŭaj jaroj. Por imagi la etoson vi povas (re)legi la raportojn pri la 44-a IS en REGo (№ 1(3), 2001). Pri la ĵus okazinta IS ni publikigas impreson de unu el rusiaj partoprenintoj pri la plej bona koncerto de la aranĝo kaj la foton pri utila tempopasigo de IS-anoj en baseno.*



*seminario en baseno*

## KONCERTO DE JOMO DUM IS

La halo estis plenŝtopita, same kiel ĉiam okazas dum liaj koncertoj. Multaj gejunuloj sidis surplanke. La publiko renkontis JoMon per ovacio kaj multnombraj fulmoj de fotiloj. La unuajn 3-4 kantojn homoj simple aŭskultis, markante finon de ĉiuj kantoj per aplaŭdegoj kaj stimulaj krioj. Poste mi kaj ankoraŭ kelkaj rusianoj ekdancis, ĉar ne eblis sidi surloke, aŭskultante tian muzikon. Nin tuj subtenis du unuaj vicoj, sed kiam sekvakante eksonis La Bamba, en la halo plene ekregis kutima por la koncertoj de JoMo atmosfero, kaj jam neniu povis sidi aŭ stari surloke. En centro de la halo aperis kvar aŭ kvin grandegaj homrondoj, dancantaj kaj kantantaj La Bamba-n. La energian rokenrolon apenaŭ eltenis eĉ gitarkordoj, unu el tiuj eĉ krevis. Por ke la konscerto ne haltu sur la scenejon venis Kim kaj ankoraŭ unu membro de la ensemblo Esperanto Desperado. JoMo ne sukcesis rapide ŝanĝi la kordon de la gitaro, tial li devis pruntepreni fremdan gitaron, kun kiu li aliĝis sur la scenejo al Esperanto Desperado. Ĉio ĉi rezultigis neforgeseblan koncerton, kiu daŭris dum 2.5 horoj!

***Viktorija Morozova (Moskvo)***

## PLI OL 1283 LOKNOMOJ RILATAS AL ESPERANTO KAJ ZAMENHOF

Fine de oktobro 2001 en la mondo troviĝis 1283 registritaj "Zamenhof- kaj Esperanto-objektoj" (ZEOj) – tiel informis la nova komisiito de UEA pri listigo de ZEOj Raymond BORE (Francio). Inter tiuj estas stratoj, stratetoj, parkoj, placoj, placetoj kaj multaj aliaj lok-

nomoj, inkluzive de Esperanto-insulo (en Bulgario). La plej monumentaj ZEOj eĉ ne trovas lokon sur la Tero, ĉar ili estas malgrandaj planedoj, rotaciantaj ĉirkaŭ la Suno en la asteroida zono – etaj planedoj Zamenhof kaj Esperanto. La nombro de ZEOj daŭre kreskas – ekz. dum lastaj monatoj, post la enoficiĝo de Raymond Bore al la listo aldoniĝis 23 novaj objektoj.

*(e-inf)*

## BEMI KAJ MULTLINGVA BICIKLO-VORTPROVIZO

BEMI estas Biciklista Esperantista Movado Internacia, faka sekcio de TEJO. Ĉu eblus ke vi ne jam vizitis la BEMI-TTT-ejon <http://purl.org/net/bemi>? Vi trovos en la TTT-ejo bazajn informojn pri BEMI kaj pri la venontaj karavanoj organizataj de ĝi. Ekzemple, nun aperas informoj pri la "alta karavano" kiu okazos inter Francio kaj Italio, okaze de la venonta IJF en Italio. En la TTT-ejo <http://purl.org/net/biciklo> vi trovos ankaŭ la multlingvan Biciklo-vortprovizon. Tiu vortprovizo estas nun en 8 lingvoj: la angla, Esperanto, la finna, franca, germana, itala, rusa, ukraina. Kompreneble tiu vortareto utilas ne nur por esperantistoj, sed ankaŭ por ĉiuj biciklistoj, kiuj ŝatas bicikli internacie. Do la vortareto povas allogi biciklistojn al Esperanto kaj al BEMI. Ne hezitu viziti la vortareton kaj aldoni vian lingvon se ĝi ne jam ĉeestas, tio ne petas multe da laboro ĉar estas nur 60 bazaj vortoj.

*(landa-agado)*

## PASPORTA SERVO: NOVA REKORDO!

Estas granda ĝojo konstati ke Pasporta Servo ne nur (denove) atingis 1000 gastigantojn, sed eĉ denove estos pli ampleksa ol pasintjare. Jam nun certas, ke eldono 2002 enhavos pli ol 1220 gastigantojn el 82 landoj! Finredakto okazos en januaro. La kompilanto de Pasporta Servo estas Derk Ederveen <pasporta-servo@esperanto.org>, ĝi estas libreto kiu listigas adresojn kie E-istoj povas gasti senpage. Ĝin eldonas TEJO. La ĉiujara eldono aĉeteblas ĉe la Libroservo de Universala Esperanto-Asocio <http://www.uea.org>. *(TEJO-aktuale)*

---

Kruko kaj Baniko vizitas Parizon kaj rimarkas, ke tre laŭmodaj estas krokodil-ŝuoj.
"Ĉu ni kreu firmaon pri krokodil-ŝuoj en Bervalo?" demandas Kruko. "Ni povus riĉiĝi!"
"Sed ni ne havas krokodilojn en Bervalo", protestas Baniko.
"Senprobleme", respondas Kruko. "Ni simple iru en Afrikon por preni!"
Do, ili forvojaĝas en Afrikon. Post longa irado, ili venas ĉe riveron, kaj vidas enorman krokodilon. Ili postkuras ĝin, kaj post pli ol horo da luktado, ili sukcesas kapti ĝin.
Baniko zorge observas la gigantan beston:
"Fek!" li elkraĉas. "Ni venis ĉi tien por nenio!"
"Kial do?" demandas Kruko.
"Vidu mem", respondas Baniko. "Ĝi eĉ ne havas ŝuojn!"

*(esperanto-anekdot)*

## “ORAJ KANTOJ” APERIS

Jam aperis la muzikaj kompaktdiskoj “Oraj kantoj”, registritaj oktobre 2001 en Tiĥvin. En la registrado partoprenis kiel kantistoj Marija Koĉetkova, Evelina Sokolova, Sonjo Ŝejnina, Svetlana Usanova, Grigorij Arosev, Mikaelo Bronŝtejn, Oĉjo Dadaev, Vitalij Malenko, Andrej Obrezkov, Aleksandr Osokin, Mikaelo Povorin; kiel la gitaristoj – Maksim Kablukov, Andrej Obrezkov, Mikaelo Povorin, Marija Koĉetkova. La rezulto estas jena:




*la kovrilpaĝo de “Oraj kantoj-2”; la kovrilpaĝon de “Oraj kantoj-1” vi povas vidi komence de la gazeto, ĉe la Atingoj de la Jaro*

***“Oraj kantoj – 1. Ni renkontiĝos”*** – 49 minutoj, 19 kantoj *(Din-Don, Sezonoj, Aŭtuno, Ciganeska, Valso en ritmo de pluvo, Kanto de mulisto, Oĥ, rajdis, rajdis, Vagadi sencele, Revas mi, Ural’, Drink-kanto, Que sera, sera, Revelacio, Dona-Dona, Birdeca bird’, Zimbabve, Vivu la stel’, Ju-pi-ja, Ni renkontiĝos).*

***“Oraj kantoj – 2. Amata lando”*** – 46.5 minutoj, 19 kantoj *(Amata lando, La tempo somera, En tendar’, Ni vojaĝas, Kanto pri SEJT, Oriento, Tra tuta mond’, Mia amatin’, Nokto ploras, Ne lasu min, Estas bela vi, knabin’, Karteta dometo, Komencantoj, La renkonto, Somera mondo, Ne, ne, ne, Tendaraj fajroj, Karesas koron, La tendara adiaŭa).*

Unue la diskoj estis prezentitaj kaj vendataj en la 21-a Rusia Esperantista Kongreso. Nun tiujn ĉi diskojn povas akiri ajna deziranto. Al la mezo de januaro la unua eldonkvanto (po 100 ekzempleroj de ĉiu disko) preskaŭ elĉerpiĝis kaj jam estas produktita la dua.

La loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ povas aĉeti la diskojn ĉe Libroservo de REU (la adreson vidu en la 3-a kovrilpaĝo); la prezo por unu disko estas 120 rub. + sendokosto. La loĝantoj de aliaj landoj povas mendi la diskojn ĉe Libroservo de UEA.

***Atenton!*** Vi povas partopreni en selektado de la kantoj, kiuj estos registritaj por la sekva disko “Oraj kantoj”. Bonvolu sendi poŝte aŭ rete al la adresoj de REGo liston de kantoj, kiujn vi opinias taŭgaj por la disko. Tio devas esti kantoj, popularaj inter sovetiaj kaj rusiaj geesperantistoj. Surbaze de la venintaj proponoj estos kompilita la listo de kantoj, submetota al la voĉdonado de REGo-legantoj, partoprenontoj de la festivalo EoLA en Ĉeboksari kaj esperantistoj-retuzantoj. Laŭ la rezultoj de tiu voĉdono estos selektitaj la kantoj por la tria disko “Oraj kantoj”, kiun ni planas registri en Tiĥvin aŭtune 2002.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## FABELO PRI DU SORĈEJOJ

*(La aŭtoro, pardonpetante, rapidas fari gravan averton. Se la eventoj aŭ la nomoj el la fabelo ŝajnos al iu el aŭskultantoj-legantoj iom similaj al tiuj el la realo nuntempa – bonvolu percepti tion kvazaŭ hazardan sorĉan koincidon. Ne pli...)*

Kial vi ne dormas ĝis nun, etulinjo mia dolĉa? Jam ĉiuj infanoj dormas. Aĥ, ili ricevis sian fabelon, sed vi ne? Nu, bone, kiun vi elektas – ĉu pri la rapo, aŭ pri la ora ovo? Ha, ĉu novan? Por viaj helaj sonĝoj la avoĉjo elpensos ion novan, certe... Do, –

Jen por vi fabeleto vespera
pri l' antikva sorĉejo prospera.
Vivis ĝi per sorĉado mistera
en merita respekto kaj fam'.
Ĉiujn sorĉojn direktis skrupule
trankvilega sorĉist' Moso Brulle,
kaj miraklojn aranĝis regule
la antikva sorĉej' Notre-Dam'.

Brulu eterne la torĉo
por la finvenko de l'sorĉo!
Venu infanoj kunule
al la sorĉist' Moso Brulle.

L' vicsorĉisto Pokale Senpelli
spertis sonĝojn timigajn forpeli.
Pretis Pikkolo Draŝiĉ bobeli
por sukceso de l' ĉefa mister'.
Librojn sorĉajn en kel' sendiboĉa
Flegis lerte Cusimo Mildvoĉa,
En trankvil', ekster bruo riproĉa
evoluis la sorĉa afer'.

Venu l' respekto persista
por la teamo sorĉista!
Dormu geknaboj kun amo
al la sorĉej' Notre-Damo

Sed subite Plej Sorĉa Estraro
la sorĉejon ektraktis kun knaro
malkontenta pro klaĉ' aŭ eraro,
kvazaŭ sorĉoj efikas ne tro.
Diris mago Monato Spagetti:
– Kiom longe ja eblas vegeti?!
Devas ni jam postuli, ne peti
de l' naturo misterojn,– kaj do, –

Jam Moso Brulle sen peno
fajfas pri l' sorĉa posteno,
kaj ne plu sorĉas normale
l' paca Senpelli Pokale.

Eĉ la glora Tequila Kampari
ion indan ne trovas por fari –
ĉu danceti aŭ drogon prepari
por kuraco de l' sorĉa afer'.
Sed jam ekis tumulto kaj bolo
en amas' de la sorĉa popolo.
Malfermiĝis pandora skatolo –
ĉu enestas almenaŭ esper'?

Jen embarasa ekflamo
en la sorĉej' Notre-Damo.
La glora torĉo senvenke
fumas jam ie subbenke.

La sorĉejo baraktas flosanta,
sed ne vakas ja loko la sankta, –
do, vastiĝas jam famo kreskanta
inter torĉa kaj sorĉa amas',
foje rekte kaj foje alude,
ke rivalo aperis apude –
jen la nova sorĉejo por prude
kapti gajnon el la embaras'.

Ke estas nur Sabla Bedo
vera sorĉej' sur planedo,
sed Notre-Dam' veterana
estas kaduke malsana.

Kaj aklamis la fama Sil Gorĝo:
– Vanas vaĉi finvenkon de l' sorĉo!
Estu elsubbenkita la torĉo
por lumigo de l' nova lini'!
Vanas sorĉi por ĉiuj en ŝvito!
Sorĉu ni nur por sorĉa civito, –
tiam venos prosper' sen evito,
kaj fortuno ridetos al ni!

Iru infanoj elane
al la civit' man-en-mane!
Brulu la torĉo sen fulgo
super fiera promulgo!

Ekis, do, reciproka ĉikano,
kvazaŭ sorĉus nun klan' kontraŭ
klano,
kaj animo de l' rusa profano
ŝvebis super la sorĉa okaz'.
Magiistoj de alta kulturo
rekomendas esplori en juro
ĉu enestas minaca teruro
por sorĉistoj en la embaras'...

Kial vi ploras, miela mia? Aĥ, vi ne plu komprenas la fabelon... Nu, ankaŭ mi nenion komprenas. Strangan fabelon elpensis avoĉjo, ĉu ne? Sed –

Dormu infanoj trankvile,-
sonĝoj envolvos vin vile.
Tie l' sorĉejoj sen peno
venos al interkompreno.

Bonan nokton!

***Mikaelo Bronŝtejn (decembro 2001, Tiĥvin)***

## KOMPAKT-DISKO "ESPERANTO XXI"

La plena nomo estas "Esperanto XXI: rezultoj de la 2001-a jaro", kaj ĝia preskaŭ 600-Mb-a enhavo tion vere respegulas, ĉar en ĝi estas:

– 129 elektronikaj E-libroj – romanoj, noveloj, teatraĵoj, infanaj libroj, poeziaj kolektoj, biografiaj studoj ktp. Ili estas en formato de elektronikaj libroj (PDF). La legilo – Acrobat Reader estas aldonita.



*origine la kolorla kovrilpaĝo aspektas eĉ pli bele*

– 86 kantoj – tri albumoj, registritaj en Rusio en 2001 + unu klasika + apartaj kantoj de la plej famaj internacie E-kantistoj! La komuna daŭro de ĉiuj kantoj estas 3 horoj 52 minutoj! Oni povos aŭdi en la kompaktdiska kvalito kantojn de Maŝa Koĉetkova (albumo "Vento"), de Ekvinokso (albumo "Revas mi"), kantojn de EoLA-13, kvin kantojn de Ĵomart kaj Nataŝa, krome en la disko troviĝas kantoj de la legenda grupo Inspiro kaj pluraj apartaj kantoj de eksterlandaj E-muzikantoj kaj grupoj: Dolĉamar', Krio de Morto (parte E-lingva), Persone, JoMo, Merlin kaj aliaj. Ĉiuj kantoj estas en formato mp3, aŭskulteblaj per ajna moderna komputila muzikaŭskultilo.

– pluse 18 karaokeaj E-kantoj, kiujn vi povas (kun)kanti mem. Ilin preparis Mikaelo Povorin. La bezonata karaoke-programo estas aldonita.

– 10 ruslingvaj E-lerniloj, inkluzive tiujn de Boris Kolker, Abduraĥman Junusov, Marija Abolskaja, Konstantin Demjanenko. Krome tie estas elektronika kopio de la Unua Libro, eldonita de L.L.Zamenhof.

– 3 lerniloj por progresantoj – "La tuta Esperanto", "Lasu min paroli plu" kaj partoj de "Vojaĝo al Esperanto-lando".

– 7 vortaroj: Bokarev-vortaro, Komputada leksikono, Kemia vortaro, Hejma vortaro, lerna vortareto, grandioza Reta Vortaro (konkuronto de PIV!) kaj aliaj.

– 501 fotoj de kelkaj E-renkontiĝoj, okazintaj en 2001 en Rusio.

– Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko, verkita de Bertilo Wennergren. Bonega gramatika priskribo!

– sondosieroj: aŭskultu legadon de beletraĵoj. (Formato Real Audio – la programo estas aldonita).

– ludoj en Esperanto: E-lingva arkado "Billy" kaj tri DOS-ludiloj.

– Esperanto-programoj: teksta redaktilo UniRed, klavara programo Ek!, literumkontrolilo KL 3.0 kaj komputila E-kurso multlingva, produktita en Brazilo (ve, ankoraŭ ne rusigita! La programeto por traduki ĝin estas aldonita!).
– krome multaj interesaj tekstoj: Esperante, ruse (i.a. plena arkivo de "Novosti Esperanto-dviĵenija"), angle. Vi povos legi pri la Civito, XHTML, materialojn de Akademio Internacia de la Sciencoj, la libron de Claude Piron "La bona lingvo", ruslingvajn artikolojn pri E-o, esplorojn pri kluba teknologio, vidi kaj uzi ampleksan SEJM-ludaron ktp.

Unufraze: la disko estas nepraĵo por ĉiu aktiva esperantisto, uzanta komputilon!

La disko estis preparita de Andrej Grigorjevskij, helpe de Oleg Izjumenko. Ĝi estas mendebla ĉe REJM (kiu financis ĝian preparadon kaj produktadon). Unu disko kostas 100 rub. sen sendokostoj. Por REJM-membroj – 80 rub. Por sendokostoj aldonu 29 rub. La adreso por mendoj – <grina@inbox.ru>. La monon sendu al la adreso: Григорьевская Наталья Станиславовна, ул. Смирнова 87-16, 153034 Иваново.

***Natalja Grigorjevskaja (Ivanovo)***

## LIRO-2001

Je la Tago de Zamenhof estis anoncita la rezulto de la tradicia belarta konkurso Liro-2001, kunorganizita de Urala Esperantista Societo kaj "La Ondo de Esperanto".

La kvinpersona juĝkomisiono (Aleksej Birjulin, Wolfgang Kirschstein, Aleksander Korĵenkov, Alen Kris, Valentin Melnikov) ricevis 41 konkursaĵojn de 19 personoj el 10 landoj – Ĉeĥio, Francio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Kroatio, Ruslando, Svedio, Ukrainio, Usono.

### La rezulto de Liro-2001

**ORIGINALA POEZIO.**

Laŭreato: Nicolino ROSSI (Italio) pro "Kien la homo?".

Laŭdaj mencioj: Aleksandr ULJANOV (Ruslando) pro "Ĝis la!"; Lucija BORĈIĈ (Kroatio) pro "Por la orfoj kaj plorantoj"; Julius BALBIN (Usono) pro "Boule-de-Suif".

**ORIGINALA PROZO.** La konkurso ne okazis, ĉar konkursas nur unu persono.

**TRADUKA POEZIO EL LA RUSA** (Nikolaj Gumiljov. "Ŝestoje ĉuvstvo").
Laŭreato: Nikolao GUDSKOV (Ruslando).
Laŭdaj mencioj: Aleksandr ULJANOV (Ruslando); Tatjana AUDERSKAJA (Ukrainio).

**TRADUKA PROZO EL LA RUSA** (Pavel Baĵov. "Serebrjanoje kopitce").
Laŭreato: Aleksandr ULJANOV (Ruslando).
Laŭdaj mencioj: Tatjana VŜIVCEVA (Ruslando); Tradukista grupo de la societo "ES-PERO" gvidata de Meri ABOLSKAJA (Ruslando).

**TRADUKA PROZO EL LA ANGLA** (O.Henry. "The Cop and the Anthem").
Laŭreato: Sten JOHANSSON (Svedio).

**RECENZO** ("Rusaj amnoveloj").
Laŭda mencio: Klara ILUTOVIĈ (Ruslando).

Ĉiu laŭreato ricevos diplomon kaj valoran librodonacon. Konforme al la regularo de Liro, la organizantoj rezervas al si la rajton ĝis 31.12.2003 publikigi la ricevitajn konkursaĵojn en "La Ondo de Esperanto" aŭ en aparta eldonaĵo, kondiĉe ke ili avertos pri tio la aŭtoron ĝis 1.02.2002.

Gratulon al la laŭreatoj! Dankon al ĉiuj partoprenintoj!

***Halina Gorecka (Kaliningrad), sekretario de Liro-2001***

## ARTO RECENZI

Verŝajne vi, estimata leganto, rimarkis, ke kiam oni mencias artajn atingojn de iu famega verkisto, tre ofte krom la romanoj kaj poeziaĵoj estas rememorata ties recenzado. Kaj tio ne estas ia superflua aldono, ĉar recenzado vere estas artero. Ne ĉiu, eĉ la plej sukcesa, aŭtoro povas esti samnivela recenzanto. Kaj male, estas bonaj ekzemploj de personoj famaj en literaturo nur pro pluraj altkvalitaj recenzoj.

Recenza arto estas ne unuforma, sed multtavola, diverskolora kaj tre interesa formo de literaturo.

Unua tavolo estas la plej simpla kaj diafana, tamen samtempe la plej kortuŝa. Temas pri rilato de recenzanto al la recenzata verko kaj ties aŭtoro. Rigardu la recenzon de M.Bronŝtejn "La dua leginda" al la libro de G.Arosev ".Ru" (REGo № 4 (6)). Post tralego de la recenzo leganto tuj komprenas, ke nia famega verkisto laŭdas ne nur la libron sed ankaŭ la aŭtoron; ke Bruna Ŝtono opinias la junan poeton sia amiko, malgraŭ diferenco de aĝoj kaj vivspertoj.

Sekva tavolo jam enhavas literaturan kritikon. En tiaj recenzoj kritikisto pritaksas sukcesojn kaj mankojn de la prezentata verko. Tiaspecaj recenzoj estas tre gravaj por literaturaj procesoj kaj postulas verŝajne la plej profesiecan vidpunkton (kio, interalie, ne multas en nuna rusia recenzado). Multaj vaste konataj verkistoj (Old, Varinjen, Kaloĉaj, Bagi k.a) formis E-literaturon per recenzoj ne malpli ol per siaj famaj literaturaj atingoj. Sufiĉe bona ekzemplo de tia recenzo estis "Strangeco kaj utileco" (de G.Arosev kaj P.Fiŝo) verkita pri "Esperanto en Ruslando: Historia skizo" de H.Gorecka kaj A.Korĵenkov (REGo № 4 (6)).

Estas ankaŭ grava tavolo de recenzoj kies aŭtoroj ne esploras recenzovokan verkon mem, sed uzas ĝin kiel lenson por pli profunde fosi kaŝitajn movojn de literaturo, movado, vivo. Por tiaj recenzoj ne gravas literaturaj ecoj de recenzata verko (aŭ ne tre gravas), sed plej valoras analizo de kontaktoj inter la verko (kaj similaj) kaj la socio. Ekz. nun ni ne tre interesiĝas pri literatura kvalito de Bulonja Deklaracio, sed reago al ĝi kaj plia ĝia efiko estas por ni nemezureble grava.

Necesas ne forgesi pri, mi diru, reklamaj recenzoj. Verŝajne iu povas sulkigi sian nazon leginte la vorton ***reklama***, sed ĝuste dank' al ĝi ni ofte aĉetas librojn kaj nur poste formas nian opinion. Kiel bonajn ekzemplojn de tiaj recenzoj mi povas rekomendi al leganto disŝutitajn tra REGo-numeroj verkojn de V.Ŝvedova, B.Kolker, N.Gudskov, A.Grigorjevskij k.a.

Scivolema leganto povas trovi ankoraŭ multajn nuancojn en recenza arto, tamen mi celas alion: recenzado estas tre grava parto de literaturo, ties -eco kaj -ado.

Kaj ne forgesu famajn eldirojn de I.Iljf kaj E.Petrov:
La homon oni renkontas laŭ la vesto, la libron – laŭ la recenzo.
Recenzisto estas amiko de la homo, krom se la homo estas la aŭtoro.
La kritikistoj kaj iliaj recenzoj difektas nian literaturon: sen ili ĉiuj aŭtoroj estus genioj.

***Paŭlo Leto (Moskvo)***

## HOFFMANN EN ESPERANTO

La eldonejo "Sezonoj" en la jaro de la 225-a naskiĝdatreveno de Ernst Theodor Amadeus Hoffmann eldonis lian novelon "Konsilisto Krespel" ("Rath Krespel"). Ĝi estas unu el la eroj de la populara novelaro de Hoffmann "Serapiona frataro". La novelon tradukis el la germana lingvo Wolfgang Kirschstein, kaj ĝin ricevos kiel literaturan suplementon ĉiuj abonantoj de la revuo "La Ondo de Esperanto". Estas interese, ke la Esperanta traduko de la novelo, priskribanta la vivhistorion de la mania muzikisto kaj ties filino, estas eldonita en la

naskiĝurbo de Hoffmann – Koenigsberg/Kaliningrad. "Konsilisto Krespel" estas la unua libro, kiun "Sezonoj" eldonis post la transloĝiĝo el Uralo al Baltio. La 24-paĝa libreto estas mendebla ĉe la eldonejo poŝte ***(RU-236039, Kaliningrad, p/k 1248)*** aŭ rete <sezonoj@yahoo.com> kontraŭ nur 2 eŭroj.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## ABONEBLAJ ESPERANTO-GAZETOJ POR 2002

"LA ONDO DE ESPERANTO". Sendependa soci-kultura revuo, 11 numeroj jare, 20 paĝoj. Riĉe ilustrita. Senpaga literatura suplemento jarfine. 180 rubloj.

"ESPERANTO". Oficiala organo de UEA, 11 numeroj jare, 24 paĝoj. Ekvivalento de 15 eŭroj.

"HEROLDO DE ESPERANTO". Internacia sendependa gazeto de la Esperanto-movado, 17 numeroj jare, 4 paĝoj A3. Ekvivalento de 15 eŭroj.

"JUNA AMIKO". Revuo por lernejanoj kaj komencantoj, 4 numeroj jare, 32 paĝoj. Ekvivalento de 4 eŭroj.

"KONTAKTO". Soci-kultura revuo por junularo, 6 numeroj jare, 16 paĝoj. Ekvivalento de 9 eŭroj.

"LA JARO". Praktika poŝkalendareto de Monato, 2 volumetoj jare, 160 paĝoj. Ekvivalento de 5 eŭroj.

"LITERATURA FOIRO". La plej prestiĝa kultura revuo en Esperanto, organo de Esperanta PEN-centro, 6 numeroj jare, 56 paĝoj. Ekvivalento de 14 eŭroj.

"LITOVA STELO". Revuo de Litova Esperanto-Asocio, 6 numeroj jare, 32 paĝoj. Ekvivalento de 6 usonaj dolaroj.

"MONATO". Internacia magazino sendependa pri politiko, ekonomio kaj kulturo, 12 numeroj jare, 32 paĝoj. Ekvivalento de 17.50 eŭroj.

* Konvertu la dolaran aŭ eŭran abonprezon al la rubloj laŭ la oficiala kurzo kaj aldonu 2% por kovri la diferencon inter la oficiala kaj banka vendokurzoj.
* La monon pagu al Галина Романовна Горецкая (236039, Калиниград, аб.ящик 1248). Moskvanoj povas pagi al Оксана Юрьевна Костоусова (tel. (095)7587212).
* Ni povas peri abonon ankaŭ por aliaj E-gazetoj, sed la supre listigitaj proponas aparte favoran tarifon por Ruslando.

## SUBSTITUADO DE LAMPO: KIOM DA ESPERANTISTOJ?

DEMANDO: Kiom da esperantistoj oni bezonas por substitui UNU lampon?

RESPONDO: Oni bezonas 1332 esperantistojn por substitui UNU lampon tiamaniere:

– 1 esperantisto por substitui la lampon kaj informi en diskutlisto ke la lampo estis substituita;
– 14 esperantistoj por priskribi aliajn similajn eksperimentojn en la Centra Oficejo de UEA;
– 7 esperantistoj por averti pri la riskoj ĉe la substituado de lampoj;
– 27 esperantistoj por montri la gramatikajn erarojn en la retmesaĝoj pri la substituado de lampoj;
– 53 por ataki tiujn, kiuj korektis la gramatikajn kaj ortografiajn erarojn;
– 156 por skribi al la administranto de la listo plendante pri la kvanto de retmesaĝoj en la diskutlisto kaj dirante, ke la temo ne estas taŭga en la listo;
– 41 por korekti la ortografion de la retmesaĝoj, kiuj atakis tiujn, kiuj korektis la ortografion, por citi PIVon kaj por klarigi la diferencojn inter lampo, lampiro kaj lampiono;

– 109 por informi, ke la diskutlisto ne estas pri substituado de lampoj kaj proponi kreon de speciala diskutlisto pri la afero;
– 111 por skribi, ke ĉiuj esperantistoj substituas lampojn, kaj tiel la diskutado pri la temo estas taŭga;
– 306 por interveni pri la plej bonaj metodoj por substituado de lampoj kaj pri la plej bonaj lampoj en la merkato;
– 27 por sendi adresojn de hejmpaĝoj kie eble oni trovas la plej bonajn lampojn kaj por informi ke en la Libroservo de UEA estas verkoj pri la temo;
– 103 por postuli, ke la amasa samtempa sendado de retmesaĝoj pri substituado de lampoj, pri gramatiko kaj ortografio devas tuj halti;
– 14 por plendi, ke la senditaj retadresoj de la hejmpaĝoj (URL) estis malkorektaj, ke ili ne sukcesis vidi la paĝon, kaj peti ke oni sendu ĝustajn retadresojn;
– 3 por skribi pri la trovitaj retligiloj pri lampoj kaj por aserti, ke la temoj de tiuj hejmpaĝoj rekte rilatas al la temo diskutata en la diskutlisto kaj do, la temo “substituado de lampoj” estas temo kiu rilatas al la listo;
– 33 por ripeti ĉiujn jam senditajn retmesaĝojn pri la temo plentekste (inkluzive la propagandojn kaj koncernajn informojn pri la listo), nur por aldoni la frazon: “Tre bone”;
– 31 por informi ke ili estas forlasantaj la diskutliston, ĉar ili ne plu eltenas la retmesaĝojn pri substituado de lampoj;
– 4 por sugesti verkadon de scienca eseo pri substituado de lampoj aŭ prelegon en la Universala Kongreso pri la temo;
– 1 por iniciati novan diskutliston pri substituado de lampoj;
– 47 por atentigi ke la diskutlisto pri “fiziko kaj nuklea energio” estas la plej taŭga diskutejo pri la temo (substituado de lampoj) kaj por informi, ke en Vjetnamio estas fakdelegito pri substituado de lampoj;
– 90 por kritiki la retmesaĝojn kiuj ripetas la aliajn mesaĝojn kaj nur aldonas la frazeton: “Tre bone”;
– 43 por apogi la ideon pri kreado de diskutlisto pri lampoj kaj fondo de faka asocio;
– 110 por ripeti ĉiujn retmesaĝojn pri plendoj pri retmesaĝoj, kiuj ripetas ĉion kaj aldonas “Tre bone”, kaj skribi en la fino nur: “Mi ankaŭ taksas tion absurdaĵo”;
– kaj finfine unu esperantisto por konfirmi ke la sumo de ĉiuj esperantistoj estas vere 1332, kiel estis en la komenco informite.

*(esp-necenzurita)*

---

Ĉu vi scias, kio estas NEK-movado? Ĉu ne? Por ekscii bonvolu viziti la retpaĝojn <http://nekmovado.narod.ru>. Tie vi povas en tri lingvoj (la angla, rusa kaj Esperanto) legi pri tiu ĉi movado kaj pri la esperantistinoj el Novosibirsk, kiuj elpensis ĝin. REGo rekomendas!

# CERBE KAJ KORE

redaktas Valentin Melnikov



## UVERTURE

*Klara Ilutoviĉ*

### VERKO KAJ TIES AŬTORO

Sendante l' koran sunradion
El siaj mensmisteroj altaj,
Komponas gajan melodion
La hom' en larmoj la senhaltaj.

Impresas la spiriton vunde
Rakonto, aŭ event', aŭ nomo –
Kaj pentras ĝin venenabunde
La kore bondezira homo.

Sendube li ja ne simile
Rezonas, laŭdas kaj protestas.
La kredo venas malfacile:
Ĉu vere li l' aŭtoro estas?!

La juna verkas pri oldulo,
La sana – pri malsan' kaj morto...
El kiu bril', el kiu brulo
Naskiĝas la talenta vorto?

Enigmo l' sorĉa de la kreo:
La granda verko ne mensogas!
Al ajna klam' kaj ĉiu veo
La ver' konvinke sin apogas.

Persona viv' aŭ ĝia parto
De la aŭtoro mem ne gravas:
Laŭ l' altaj leĝoj de la arto
La verko sian vivon havas.

## KRITIKE

### MALFACILAJ VENTOJ, aŭ STUMBLIGA POEZIO

Estimataj kunlegantoj, ĉu plaĉus al vi jenaj versoj?

En la mondon venis l' nova sento,
tra la mondo iras l' forta voko;
per l' flugiloj de l' facila vento
nun de l' loko flugu ĝi al l' loko...

Ja tiel povus aspekti nia himno, se Zamenhof verkus ĝin laŭ maniero de iuj nunaj E-poetoj. Sufiĉas enmeti kelkajn senbezonajn *l'*, kaj la klasika teksto, kiu mem impresas kiel facila vento – puraera kaj freŝiga, iĝas jam simila al vento "malfacila" – akrimpeta, vizaĝpika kaj stumbliga. Kaj inverse: se elsarki iom da *l'* el tro artikoloza poeziaĵo, ĝi de tio nur gajnos.

Vere, la Fundamenta Gramatiko permesas apostrofi la substantivojn kaj la artikolon, kaj ne formulas tabuojn pri tio. Sed en la praktika uzado de la lingvo delonge evidentiĝis, ke ne por ĉiuj sonkombinoj la uzo de *l'* anstataŭ *la* estas egale oportuna kaj aprobinda. En alia loko de la Fundamento (Ekzercaro, §27) eĉ estas vortumita sufiĉe rigora limigo: "Anstataŭ "la" oni povas ankaŭ diri "l'" (sed nur post prepozicio, kiu finiĝas per vokalo)". Tamen en Lingvaj Respondoj kaj propraj verkoj Zamenhof solvis la demandon pri *l'* pli liberale, opiniante ĝin ebla post ajna vokalfina vorto, aŭ antaŭ vokalo: "L' espero, l' obstino...". Pli-malpli saman uzon rekomendas en Plena Analiza Gramatiko K.Kalocsay kaj G.Waringhien, atentigante tamen, ke tio koncernas precipe poezion, sed en normala prozo *l'* estas uzata konsiderinde malpli ofte. I.a., PAG atentigas pri evito de similsoneco ĉe uzo de *l'* antaŭ vokalo, ekz. *l' averto – la verto, l'ardo – lardo;* sed mi aldonu, ke la samo validas ankaŭ pri la plena artikolo: *la certo – lacerto.* La ĝenerala konkludo de PAG, kiun ripetas ankaŭ B.Wennergren en Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko, estas tre simpla: *l'* povas esti uzata ĉie, kie ĝi estas p r o n o n c e b l a .

Se resumi la konsilojn de Zamenhof kaj postaj esploristoj, konsiderante ĉi tiun kriterion, la prefer-ordo por uzo de *l'* povus esti proksimume jena:

– post *de:* la kombino *de l'* estas uzata tiom ofte, ke iam oni "aŭtomate" uzas ĝin anstataŭ *de,* interesan ekzemplon vidu sube;

– post aliaj vokalfinaj prepozicioj: *ĉe l'*, *pri l'* ks;

– ĝenerale post vokalo: *bridi l' ĉevalon*;

– frazkomence, antaŭ vokalo: *L' unua*;

– postkonsonante, antaŭ vokalo: *kun l' onklo.*

Ĉi-lasta ekzemplo jam prononciĝas ne tute glate, en la sekvaj facila lego estas des pli dubinda:

– frazkomence, antaŭ konsonanto: *L' ĵaluzo* (tiaj konstruoj estas jam "ĉe limo de faŭlo" kaj tial uzendas nur ekstrembezone);

kaj praktike neebla:

– inter konsonantoj: *sen l' deziro.*

Normala prononceblo tre gravas por la legantoj, kiuj ŝatas ne nur ĉerpi el poeziaĵo sentojn, impresojn, eventuale meditigajn pensojn, sed ankaŭ povi ĝin senprobleme tralegi. Tial Parnasa Gvidlibro (PG) la interkonsonantan *l'* malaprobas, trafe atentigante: "preferinde estas ne uzi la artikolon, ol apostrofi ĝin inter du konsonantoj". Bedaŭrinde, ekzistas poetoj, kiuj neglektas la belsonecon, ignorante la konsilon de PG.

Unuavice menciindas Grigorij Arosev. Ekzemple, en nur unu lia versaĵo (REGo № 3(5), p. 39) troveblas eĉ tri tiaj miskombinoj: "kun l' du", "neniam l' virinojn", kaj, plej embarase, "al l' dua". Du sinsekvaj *l* antaŭ alia konsonanto – tio povus esti bona langrompilo por studentoj de teatra altlernejo, sed kiel tion prononcu ordinara leganto? Kompatu nin, Griŝa! Se al vi ne plaĉas simpla forigo de *l'* – trovu alian elturniĝon, poeto devas tion scipovi. Sed eble la plurkonsonantaj karamboloj estas intencaj kaj signas novan stildirekton? Se jes, bonvolu konfesi, kaj mi sugestos al vi interesan ideon por krei pli abunde tiajn pezaĵojn, je plia ekstazo de ŝatantoj (se tiaj ekzistas).

Stumblaĵon (kvankam ne kaŭzitan de misloka *l'*) oni povas trovi ankaŭ ĉe nia "persika" poeto Palinur Duraki'. La uzita de li rimedo estas ne malpli ekzotika ol la aŭtoro mem: ekster ĉiuj poetikaj licencoj, li apostrofis prepozicion. La rezulto (REGo № 5(7), p. 42): "Tiu

Ond' d' Esperanto", kun du *d,* sekvantaj alian konsonanton, estas ja nedigestebla. Tamen la samon, kaj eĉ pli proksime al la celata revu-titolo, eblus esprimi pli simple kaj prononceble: "L' Ondo de Esperanto". Do la rimedo eĉ ne estis pravigata de la celo.

Sed mi revenu al artikoloj. Foje mi renkontis interkonsonantan *l'* ĉe Klara Ilutoviĉ; vere, ekzemplon por citi mi ne sukcesis retrovi. Tamen estas konstateble, ke en ŝiaj poeziaĵoj la artikolo estas trouzata (*vidu ĉi-supran uverturon – V.M.*). Superflua *la* (aŭ *l'*), ĉu bonsona aŭ ne tre, ne beligas poeziaĵon, precipe se tion akompanas kontraŭgramatika vortordo. Jen freŝa ekzemplo (REGo № 5(7), p. 41): "Sonas kanto la brua /.../ kaj en hor' la malfrua /...". Vere, PG alkalkulas meton de substantivo antaŭ la artikolo al poetikaj licencoj, sed tuj avertas, ke tiaĵojn uzis Zamenhof kaj liaj imitintoj, sed postaj poetoj, pli skrupulemaj, strebis eviti. Sekve, temas pri arkaismo, uzinda nur ĉe speciala bezono (ekz., "loko la sankta" en ĉi-numera "Fabelo pri du sorĉejoj" de M.Bronŝtejn eble kontribuas al fabela stilo de la teksto). Sed eĉ sendepende de la vortordo, la artikoloj en la cititaj linioj estas dubindaj, ĉar konkreteco de la objektoj ne evidentas. Kion signifas ekz. "*la* malfrua" aplike al horo? Ja ekzistas pluraj malfruaj horoj, do la artikolo estus pravigebla, se la antaŭa teksto apartigus el ili iun, eventuale fiksitan horloĝe, – tamen tiel ja ne estas. Do: se Klara dirus simple, sen la nemotivita *la* kaj per gramatike korekta vortordo: "kaj en horo malfrua" – kredeble tio ne estus pli malbona.

Superflua artikolado estas tre disvastigita, eĉ nia jam menciita poezia grandmajstro Mikaelo Bronŝtejn ne evitis ĝin: "de l' ia centro ŝatato" (REGo № 5(7), p. 47). Nu, pri la prononco problemoj ne estas; eĉ pli, se eventuala oponanto diros, ke *de l'* sonas pli elegante ol *de,* mi volonte konsentos, des pli ke sen *l'* ni ricevas sinsekvon de tri vokaloj, eble evitindan. Tamen kion fari pri la senco?.. La artikolo estas difina, la pronomo – nedifina. Tia kunmeto de antipodaj lingveroj rezultigis kombinon logike sensencan kaj pekantan kontraŭ gramatiko.

Resume mi dezirus admoni niajn poetojn – verse, ĉar kredeble tia formo estos por ili pli konvinka:

Poetoj karaj,
ni estu ŝparaj;
la artikolo
ne estu lolo!

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## HI-HI KAJ HM...

*Resaluton, feliĉan Novjaron! En festaj numeroj de gazetoj ofte legeblas diversaj utilaj konsiloj, prognozoj por la nova jaro, komparoj kun la plifrua tempo... La nuna vivo sufiĉe mornas. Iu saĝulo iam diris: "La mondo pluvivis, ĉar ĝi ridis". Do ni ridu! Kaj samtempe iomete pripensu...*

### Daniel Kolker

**TIAM KAJ NUN**
*ksenioj*

1.

Oni drinkigis iloton per vin' ne miksita kun akvo –
Fion de la alkohol' al siaj junuloj por montri.
Nun ni la samon ripetu, sed jam per la propra ekzemplo:
Ne plu ekzistas ilotoj, sed restu la Pedagogi'.

2.
Iam severaj spartanoj dum siaj kunvenoj porviraj
Malpermesadis kun puno diraĵojn blasfeme sonantajn.
Miras ŝuisto: "Se jes, do de kie la fam' originas,
Ke la lakona parol' estis ilia invent'?"

3.
Ĉe militiro spartan' ligis virhundon molossan
Al junedzino – ke li kontraŭ adulto ŝin gardu.
Estis alia rezulto: de tie la diro devenas
Pri oficira edzin', animalisma en am'.

*Ksenioj estas imitaĵoj de la antikva kaj de la germana poezio (F.Schiller kaj J.W.Goethe aperigis komunan verskolekton "Ksenia", kun karakteriza kontrasto inter klasika formo kaj kruda enhavo) – rimarko de la aŭtoro.*

***

## A. Bondarev (Volgogrado)

### MALUTILAJ KONSILOJ
*(preskaŭ laŭ Grigorij Oster)*

Se vi lernas Esperanton,
Do neniam uzu ĝin!
Kaj respondu, ke vi mutas,
Se vi venis al tendar'.
Kaj neniam legu librojn,
ĉar en libroj estas vortoj,
Kiujn indas rememori,
Kvankam sperta estas vi.
Vidu: rusaj E-lingvanoj
Konas nure du-tri vortojn.
Nur plej spertaj lingvo-uroj
Konas iom vortojn pli.
Se vi volas sinprezenti
La plej sperta inter tiuj,
Memorfiksu nur "kredencon" –
Ĝi sufiĉos por ĉiam'.

*

Se vi venos eksterlanden,
Nu, ekzemple al UK,
Do neniam vi respondu
Esperante al demand'.
Vi ne devas montri vian
Superecon en la lingvo,
Ja hontemas ĉiu ruso,
Ankaŭ kaj esperantist'!




**redaktas Grigorij Arosev**
**la rubriktitolon desegnis Jelena Katajeva**



## Sergej BOZIN
***(Krasnojarsk)***

*Profesia muzikisto, komponisto, instruisto de gitarludado. En Krasnojarsk fondis kaj gvidas propran grupon – "Vtoroje vnimanije" (La dua atento). La prezentataj hajkoj estas iom ne obeantaj al kutimaj reguloj de ĉi tiu poezia ĝenro (ĉefe temas pri la silabiko kaj ke en ĉiu hajko devas troviĝi aludo pri iu sezono), sed, laŭ la propra aserto de Bozin, tie gravas la ĝenerala spirito.*

## SOMERAJ HAJKOJ

*

La fingroj kordojn tuŝis…
Ie interne
falis ŝton' de l' koro.

*

Ĉielan senfundan tason
kiu renversis sur Teron?
… Li jam dolĉe dormas…

*

Nubo en blua ĉiel'…
Ŝipo navigas laŭ maro –
ĉio 'as korpo de Buddo…

*

Jen la blua fono de l' ĉiel' –
la skulptaĵoj de nuboj…
Kiu vi estas – enigma skulptisto?

*

La spuro de ondo
perdiĝas el vido
simile al sonĝo.

*

…Soifo de malkontento…
…Soifo de mistero…
– Trinku bieron!

*

La vojeto kondukas arbaron,
kaj tuj perdiĝas.
…Malico aŭ destin'?

*

…Diris la vorton maltrafe…
…Forlasis la hejmon kaj stumblis:
Ne vivo, sed senĉesaj interpunkcioj.

*

La nokto finiĝis.
Sed la mateno ankoraŭ ne ekis.
– Horo de silento.

*

Mi ĵetis la ŝtonon al Suno…
Ĵetis precize…
Ekis rondoj en la akvo.

---

## Vladimir PEREPELICA
***(Koroljov)***



## ĈU JAM TEMPAS PAFI?

La alko ne aspektis granda. Sed ĝi estas alko, kaj nur ĝia riĉa karno estas la lasta bezono en mia vivo. La streĉiĝinta alko staras en arbusto kaj ion aŭskultas. Ĝiaj oreloj atente tremmoviĝas. Mi bone vidas nur ĝian kapon kun unike granda krono. Jes, tio estas vera krono por la vera reĝo de la arbaro. Ne kredu, ke la reĝo estas la urso. La urso estas nur ĉefministro aŭ princo, aŭ iu ajn potenculo, sed ne reĝo. Ja reĝo estas la alko.

Ĉu jam tempas pafi?

Ĝi turnas al mi la kapon kaj atente rigardas al mia flanko. Mi sendube scias, ke ĝi ne vidas min, sed ĝia rigardo kvazaŭ boras min. Mi dekliniĝas. Mi certas, ke ĝi ne vidas min, sed mi ne eltenas la rigardon.

Ĉu jam tempas pafi?

Atenton de la alko allogas iu sono aŭ movo, kiun mi ne rimarkas. Sed moviĝas nur ĝia kapo. La korpo estas kaŝita inter branĉoj kaj folioj, sed mi scias, ke ĝi estas muskoloza kaj preta tuj salti, se la okuloj aŭ la oreloj rimarkus iun ombron de danĝero.

Ĉu jam tempas pafi?

Ne, ĝi min tute ne vidas. Ĝi eĉ ne povas tion fari, sed ĝi scias pri mi. Tamen mi ne pafas. Mi rigardas al la besto kaj sola penso trapikas min:

"Ĉu jam tempas pafi?"

Ĝi iom moviĝas kaj mi komprenas, ke ĝi fidas min. Verŝajne ni eĉ povus amikiĝi kaj tiam mi regalus ĝin per blankaj bulkoj. Sed …

Ĉu jam tempas pafi?

Ĝi turniĝas en la arbusto kaj eliras el ĝi. Ĝi proksimiĝas al mi kaj mi komprenas: mi ne eltenos, mi premos *tiun butonon*.

Ĉu jam tempas pafi?

Sed ĝi eĉ ne konjektas pri la pensoj, kiuj regas min. Ĝi venas al arbarkampo kaj montras sin en la plena beleco.

Ĉu jam tempas pafi?

Jam tempas elekti kaj mi elektas. Mia montrofingro per malrapida kaj senhalta movo komencis premi *la butonon*. Mi scias, ke komence estos tiel nomata libera movo, la movo, kiam mi povas ŝanĝi mian elekton. Sed mi jam scias mian kaj ĝian sortojn. La libera movo finiĝas kaj mia fingro eksentas iometan kontraŭforton. Mia fingro konas la kontraŭforton kaj laŭkutime pliigas la premon.

Ĝi staras kaj rigardas ien, flanke de mi. Ĝi ne scias, ke ĝia sorto jam estas decidita. Ĝi staras kaj rigardas. Dum la lastaj sekunderoj ĝi pensas pri io aŭ pri iu. Ankaŭ mi pensas:

"Ĉu jam tempas pafi?"

Mi pensas kaj agas. *La evento* okazas kiel ĉiam atendite malatende. Mia fingro eke trovas la baron kaj trapremas ĝin. Miajn orelojn atingas la sono de *krako*.

La alko, la reĝo de la arbaro kronita per unike granda krono, ne plu vivas, ne plu ekzistas.

Mi rigardas al malhela ekrano de komputilmonitoro kaj pensas: "Ĉu neniam tempas pafi?"

---



## Mikaelo BRONŜTEJN
### *(Tiĥvin)*

## EN LA OMBRO DE BRODSKIJ

1.

Mi ne povas fieri, nek fanfaroni, ke mi estis konato de la Nobelpremiito Iosif Brodskij. Ekzistas kiel fakto la sonkasedo, kie estas registrita preskaŭ duhora babilado de la Famegulo kun grupeto da ekssovetiaj esperantistoj. La babilado okazis somere 1992 en iu kafejo de la sveda ĉefurbo, kaj ĝi ŝajnas esti agrabla por ĉiuj partoprenintoj. Tiun opinion estas dirinta Miĥail Milĉik, bona amiko de Brodskij post aŭskulto de la registraĵo. "Iosif entuziasmas kun vi, kiel knabo." – li diris.

La unuajn esperantigojn el Brodskij mi faris ŝajne en 1986 aŭ 1987. Eĉ deksep jarojn pli frue mi havis deziron traduki la faman tiutempe bardkanton "Pilgrimantoj" (la melodio estis de Jurij Kukin), sed ĝi estis jam tradukita de Jefim Zajdman.

Mi delonge konas ion el la poezio de Iosif Brodskij. Konas kaj ŝategas, kiel pluraj konsumintoj de "samizdataj" (retajpitaj) kajeroj. En la ŝtato, kiu dum pli ol dudekkvin jaroj prisilentis lian verkadon (kaj ne nur lian!), ĉiu pli-malpli kultura ulo impetis al "samizdat". Ĉar tie estis lumo. Sed, farante tradukprovojn pri verkoj de aliaj poetoj (Franko, Marŝak, Tjutĉev), mi longtempe ne kuraĝis tuŝi tiujn de Brodskij. Ne pro lia Nobeliteco – tiutempe li ankoraŭ ne estis premiita, sed pro tio, ke mi ne vidis aliron al lia lingvaĵo.

"Прощай,
позабудь
и не обессудь,

а письма сожги, как мост.” –
mi ĝis nun ne tre kontentas pri mia traduko de tiu “не обессудь”...

Nu, kun jaroj la deziro traduki Brodskij-aĵojn kreskis en mi, la aliroj estis, aŭ ŝajnis esti trovitaj, do, mi faris kelkajn provojn kaj eĉ iun provvariantan tradukon de la supre citita poemo mi uzis kiel epigrafon por mia “Oni ne pafas en Jamburg”. Ĉar laŭ mi la poemo bone agordis la temon de mia romaneto... Sed seriozan ekpenson kaj ekokupiĝon pri la poemaro de Brodskij en Esperanto mi pli-malpli certe datu per 1993.

2.

La sperto traduki poemojn de iu principe memstara poeto estas preskaŭ tute senutila por provoj traduki ion el verkoj de aliaj poetoj. Mi ne diru pri la “kuirarto” de aliaj tradukantoj – interesiĝantoj povas trovi abundan spertaron en la pritemaj meditaĵoj de Kornej Ĉukovskij, Irĵi Levi, Samuil Marŝak k.a. Mi diru nur pri mia propra laboro, ilustrante, memkomprenebl, per originalaj ruslingvaj versoj.

Se tamen preni kiel bazon la vaste pritraktitan tezon pri principa tradukeblo de iu ajn verko, klare montriĝas la unua tasko – trovi “ŝlosilon” al la lingvaĵo de la tradukata aŭtoro. Foje sufiĉas la sama ŝlosilo por kelkaj – tion mi spertis dum fosado de la orepoka rusa poezio (fakte Batjuŝkov, Baratinskij, Denis Davidov kaj aliaj samtempuloj principe postulas la saman aliron). Brodskij postulas ŝlosilon apartan por ĉiu poemo. Jen kelkaj kialoj.

Multas figuroj ne tuj kompreneblaj, ankaŭ ligoj inter ili estas foje tute svagaj. Unu el la plej impresoplenaj poemoj – “Aŭtuna kri' de l' akcipitro” – postulis dek-kaj-dekfojan relegon, repercepton kaj refaron de la traduko.

... En soleco sternita sur flu' de l'aer',
ĉio, kion ĝi vidas – estas dekliva
ĉeno da montetaro
kaj arĝento de la river',
volviĝanta, kvazaŭ klingo viva...

La plej korŝiraj poemoj krom la komplika konstruo (kutima por modernaj poetoj) estas fajne rimitaj (nekutime por modernaj poetoj), do, esence kapokreviga tasko estas konservo de tiuj trezoroj en la traduko. Jen, la “Portreto de tragedio” enhavas dekdu sepversajn strofojn, kaj en ĉiu strofo estas rimitaj la unuaj kvar versoj per la sama rimo dum la lastaj tri – per alia.

... Vizaĝo ŝia makabras! Ĝin ja ne ŝirmas masko,
ruĝo de l'ĉasto, basko aŭ lemnofasko,
manoj, sin okupantaj pri l' fina tasko,
pri ovacio aŭ nervum' pro fiasko.
Dankon, do, tragedio, ke restas vi sincersenta,
samkiel vejnotranĉo aŭ hakilbato fenda,
ke vi ne postulas tempon, ke estas momenta.

Ofte la versoj havas diversan longon, sed ĉe laŭtvoĉa deklamo elokventiĝas la specifa muziko, kiun endas konservi iel, eĉ dum trudita de diversaj obstakloj ŝanĝo de la longoj. Mi envias la toleremon de unu el miaj recenzintoj, kiu skrupule kalkulis silabokvanton en ĉiu originalo kaj en ĉiu traduko por konkludi, ke mi ne zorgas konservi egalan longon. Nu, mi trovis ĉe la aŭtoro mem pravigon por mia malzorgemo. Kelkfoje Brodskij publikigis pli ol unu varianton de certaj poemoj, kaj versolongoj ne samas en la variantoj. Sed la muziko restas! Jen tiun mi zorgis konservi.

Nu, partoprenis la laboron fortaj kritikistoj, kiuj grave helpis al mi – sendepende ĉu mi akceptis la kritikojn aŭ plifirmiĝis pri la propra opinio. Deflanke ĉio videblas pli klare. Do, ekzemple, Aleksander Korĵenkov, kiu atente trastudis plimulton el miaj tradukoj, tuj trovis,

ke tra ĉiuj poemoj mi dekfoje aŭ eĉ pli por rimo uzis la vortojn "en vero". En vero, mi eĉ ne rimarkis tion mem, do kun danko akceptis la rimarkon kaj refaris la tradukojn, foriginte la "enverojn" krom, ŝajne, unu okazo. Cetere, ne nur tion, – multajn gravajn rimarkojn de s-ro Korĵenkov mi akceptis kun danko, – unu poemon ("На смерть Жукова") pro abundaj kritikoj kaj pro absoluta mia senpovo refari mi decidis tute forigi el la listo de tradukendaĵoj. Kvankam kun granda bedaŭro – la originalo estas fortega aĵo...

Kelkaj konsilantoj trarigardis la tradukojn sen doni ion gravan. Sed poste venis subita bonŝanco – en 1999 mi havis plezuron persone konatiĝi kun Kris Long, brita esperantisto, adoranta la poezion de Brodskij. Tiu konatiĝo estis ĝua pro aro da interesaj konversacioj. Ĝi estis ege utila ĉar mi sukcesis varbi Kris kiel tradukonton de la anglalingva prozo de Iosif Brodskij. Ĝi estas ne supertaksebla, ĉar Kris ankaŭ konsentis tralegi kaj analizi miajn tradukojn. Tiel mi akiris la unuan alilingvan leganton, kiu aldonis por mi gravajn klopodojn pri refarado de jam pretaj tradukoj – ja preskaŭ ĉiuj liaj rimarkoj estis atentindaj almenaŭ pro tio, ke la tutan laboron mi faris ĝuste por la legantoj kies denaska lingvo ne estas la rusa. Kaj se Kris iuloke notis: "jen tie ĉi perdiĝas la fadeno" – mi sentis mian devon fari ĉion eblan por ke la fadeno estu retrovita.

Kaj en fino de la laboro evidentiĝis tamen, ke nek forto, nek tempo sufiĉas por fini. Do, mi estis pli ol kontenta, ke parton de la restintaĵo surŝultrigis Grigorij L. Arosev. Ankaŭ la rezulto de tiu surŝultrigo estas plene taŭga por ĝenerala aspekto de la libro.

3.

Sed la plej nervoprena, obstakloza kaj longa estis la vojo al publikigo de la tradukitaj poemoj. Tiu afero daŭris paralele kun la traduka laboro dum pli ol kvin jaroj.

Kvankam en tiu rememorinda babilado kun Brodskij en Stokholmo la aŭtoro aludis, ke ne kontraŭas aperon de siaj poemoj en Esperanto, neniu el la partoprenintoj kaptis momente la ideon fiksi tiun nekontraŭon surpapere. Kun la aŭtora subskribo, nature... Ja neniu supozis, ke la sorto donacos nur kelkajn pliajn jarojn da vivo al tiu viro fortega mense kaj korpe!... Do la unua grava obstaklo estis manko de la aŭtora prespermeso.

Estis ankaŭ la dua – necerteco pri la eventuala eldononto. Iom post iom, sed sufiĉe baldaŭ pri la afero ekinteresiĝis la eldonejo "Sezonoj", do tiu dua obstaklo ŝajnis esti forigita, kaj mi plene ekokupiĝis pri la unua.

De kio komenci? En la volumoj, eldonitaj de Puŝkina Fonduso, estis presita ties adreso. Laŭ la adreso mi trovis telefonnumeron kaj per tiu trafis ĉarman personon – Miĥail Arkadjeviĉ Gordin, respondeculon pri la kvinvoluma verkaro de Brodskij, la unuan fojon eldonata en Rusio. Miĥail Gordin kaj lia frato Jakov estis proksimaj amikoj de la poeto en junaĝo kaj restis tiaj ĝis fino de lia vivo. Do, Miĥail Gordin afable prezentis al mi la faksnumeron de s-ino Ann Kjellberg, literatura sekretario de Iosif Brodskij en Novjorko.

Al tiu numero mi sendis plej humilan mesaĝon, petante permeson eldoni elektitajn poemojn de Brodskij, tradukitajn en Esperanton. Certe, la bezonataj vortoj pri vastiĝo de la rondo de adorantoj de Brodskij, pri signifo de Brodskij-poezio por la monda kulturo k.s. estis diritaj en la letero.

Sinjorino Kjellberg ne respondis al mi. Post dumonata atendo mi telefonis al Miĥail Gordin, sed li forestis. Hazarde estante la sekvan tagon en Peterburgo mi vizitis mian ŝatatan librovendejon "Книжная лавка писателей" en Nevskij. Tie pendis anonco pri la okazonta vespere renkontiĝo kun la ĉefredaktoro de la revuo "Zvezda" (Stelo), Jakov Gordin – la prezentado de lia nova libro. Mi, do, kuris en la stacidomon, forvendis la revenan trajnbileton kaj vespere venis al la prezentado. Ĝi estis interesega, sed ne pri tio temas. Post la fino mi proksimiĝis al s-ro Gordin kaj diris pri mia problemo. Li ŝajne ekinteresiĝis pri la afero, kaj ni iom babilis, sed pri la heredantino li diris: "Ha, estas juna virino, bona, ĉarma, kaj tre

forgesema. Por esperi pri respondo vi devas turmenti ŝin fakse, telefone, rete – almenaŭ unu fojon semajne". Estis tre bona konsilo.

La turmentadon de s-ino Kjellberg helpis efektivigi mia bona amikino Sofia Soskina, iama sovetia esperantistino, loĝanta nun en Novjorko. La mesaĝbatalo daŭris dum kvin jaroj kun venkoj kaj malvenkoj. Ekzemple, al mia unua mesaĝo s-ino Kjellberg (post turmentado) respondis tre afable. Ŝi respondis, ke ŝi tre estimas ajnan provon popularigi verkojn de Brodskij, sed nuntempe (en 1996) pirataj eldonejoj en Rusio grave malhelpas ŝian merkaton. Mi rebatis, ke duonmilo da ekzempleroj en Esperanto neniel povas malhelpi la merkaton, sed prezentos la poeton al la poeziŝatantoj, kiuj ne posedas la rusan. Ŝi respondis, ke jes, kompreneble, sed la advokatoj malkonsilas... Kaj tiel pasis kvar jaroj.

Intertempe pro certaj kaŭzoj estis nuligita mia kontrakto kun "Sezonoj", do mi proponis la eldonrajton (ankoraŭ ne ricevinte ĝin, cetere) al kelkaj aliaj eldonejoj, kiuj aŭ tuj rifuzis aŭ fiksis la prezon neakcepteblan. Fine, kiam Rusia Esperantista Unio (REU) konsentis pripagi la eldonon ĉe la moskva "Impeto", venis ankaŭ interkompreno kun la heredantino. Interkompreno, sed ne konsento. Ĉar komenciĝis diskuto pri la enhavo, ankaŭ specife interesa. Jen la heredantino diris, ke la aŭtoro ne ŝatis siajn junaĝajn poemojn, sekve tiuj ne nepre devas esti en la poemaro. Mi diris, ke la junaĝaj poemoj de Brodskij estas tre ŝatataj de la legantaro, kelkaj eĉ iĝis kantoj... Nu, kiam estis konfirmita la enhavo, kontentiganta ambaŭ flankojn, evidentiĝis ke mi devas forĵeti preskaŭ trionon el la jam pretaj tradukoj kaj urĝe traduki aliajn poemojn. Do, mi kun Gr.Arosev faris tion (la nebezonatajn tradukojn forĵetis mi mem, sed la bezonatajn faris ambaŭ ni).

Jen do. Fine okazis la redaktado, serĉado de konvenaj fotoj, kompostado, presado, sed tio jam estis finaj venkaj akordoj. La libro "De nenie kun amo..." iĝis realaĵo kaj eble jam estas legita de vi. Se ne ankoraŭ – ne perdu la tempon.

Kaj mi – mi dume sentas min elpremita citrono. Jam dum kelkaj monatoj mi tradukas nenion.

*la ideo de la artikolo estis proponita de P.Fiŝo*

---

## S A T I R O

**LA DEMANDO:** ***Kial la kokinoj transiris la straton?***

**LA RESPONDOJ:**

**5-jara infano:** Por transiri al la alia flanko.

**Moseo:** Kaj Dio descendis de la ĉielo, kaj diris al la kokinoj: vi devas transiri la straton. Kaj la kokinoj transiris la straton, kaj celebris ĉi eventon per granda festo.

**Platono:** Serĉante pli bonajn kondiĉojn.

**Aristotelo:** La kokinoj emas transiri la stratojn.

**Karl Marks:** Ĉi tio estis historie neevitebla.

**Ronald Rejgan:** Mi forgesis.

**Martin Luter King:** Mi imagas la mondon, en kiu ĉiuj kokinoj povos libere transiri la stratojn, kaj neniu demandos, kial ili faras tion.

**Riĉard Nikson:** La kokinoj ne transiris la straton. Mi ripetas, la kokinoj NE transiris la straton.

**Zigmund Freŭdo:** Ke vi ĉiuj manie pensas, kial la kokinoj transiris la straton, malkovras viajn kaŝitajn seksajn problemojn.

**Ejnstejn:** La kokinoj transiradis la straton, aŭ la strato moviĝis sub la kokinoj – ĉio dependas de via percepta vidpunkto.

**Buddo:** Imagu vin la kokino, kaj demandu vin pri ĉi tio.
**Ernst Heminguej:** Por abomene morti. Malsekiĝi sub la pluvo kaj abomene morti.
**Lenin:** Por la kokinoj estas necesa transiri, transiri kaj refoje transiri la stratojn.
**Stalin:** Mi pensas, ke la kokinoj ne transiris la straton. Ĉu iu havas alian opinion?
**V.Putin:** Ne estas la demando kial la kokinoj transiris la straton. Pli verŝajne indas demandi – kiu estis transiranta la straton, dum ni observis la kokinojn, transirantajn la straton?
**L.L.Zamenhof:** Mi rifuzas ĉiujn rajtojn difini la sorton de la kokinoj, kaj transdonas la rajton al la tuta mondo.
**L.Bofron:** Ĉar ĉiu el ili strebis al sia kokIDO.
**M.Bronŝtejn:** Mi, verdire, ne estis konata kun la kokinoj. Kaj mi neniam pensis pri tio. Sed mi ĉiam supozis, ke mi estas iamaniere ligita kun la kokinoj. Sed, je mia honto, mi neniam sciis kiel konkrete. Finfine, mi komprenis, ke mi, pli verŝajne, ne havas iun ajn rilaton al la kokinoj. Kaj pro tio mi verkis mian vican poemon – ĝi estas ne tro longa, nur 128 versokvaroj.
**I.Gonĉarova:** Ĉar ili rapidis fari la rondon.
**A.Korĵenkov:** Ruslandaj kokinoj (ja evidente, temas pri ruslandaj kokinoj) ne povis bone transiri la straton, ĉar REU ĉi-jare havis nur 100 kotizintajn membrojn. "Sezonoj" (Kaliningrado, eksa Orienta Prusujo, Ruslando) aperigis pri tio artikolon en "La Ondo de Esperanto".

*Baza teksto estas prenita el <www.anekdot.ru>*

---



## Vladimir NABOKOV

### LA DEFENDO DE LUĴIN[1]

*fragmento el la romano*

Li ludis ne devancata de Turati. Turati prenis poenton, kaj li prenis poenton; Turati prenis duonon, kaj li prenis duonon. Tiel ili moviĝis, kvazaŭ ascendante la laterojn de izocela triangulo, kaj en la decida momento devis renkontiĝi sur la supro.

La noktoj estis kvazaŭ kavoplenaj. Neniel eblis devigi sin pensi ne pri la ŝakoj, kvankam estis dormemo, sed poste la dormo neniel povis eniri lian cerbon, ĝi serĉis kaŝtruetojn, sed ĉe ĉiu enirejo staris ŝaka gardisto, kaj estis la terure tortura sento, – ke jen, la dormo estas ĉi tie, sed transe de la cerbo: Luĵin, dolĉlace disigita tra la ĉambro, dormas, sed Luĵin, estanta la ŝaktabulo, viglas kaj ne povas kunfluiĝi kun la feliĉa sozio. Sed kio estis eĉ pli malbona, – ke li post ĉiu turnira seanco pli kaj pli malfacile estis elrampanta el la mondo de ŝakaj imagoj, kaj eĉ dumtage konturiĝis la neagrabla disduiĝo. Post trihora partio la kapo strange doloris, ne la tuta, sed po parte, po nigraj kvadratoj da doloro, kaj li ne tuj estis trovanta la pordon, ŝirmitan de nigra makulo, kaj ne povis rememori la adreson de la kara domo: feliĉe, en la poŝo situis la malnova poŝtkarto, faldita je la duonoj kaj jam disŝiriĝanta je la flekso ("Ni venis. Atendas vin vespere"). Li plu sentis la ĝojon, kiam estis eniranta la domon, plenan de rusaj ludiloj, sed la ĝojo same estis makula. Kaj foje, dum ripoza tago, li venis pli frue ol kutime, kaj hejme estis nur la mas-

trino. Ŝi decidis daŭrigi la konversacion, okazintan ĉe la sunsubiro en la faga bosko, kaj, troigante sian, tre aperezatan de si mem, kapablon paroli nudan veron (pro kio junuloj, vizitantaj ŝian hejmon, opiniis ŝin granda saĝulino kaj tre timis ŝin), ŝi eksieĝis Luĵin, unue ŝi riproĉis lin pro la cigaredstumpoj, kiujn ŝi trovas en ĉiuj vazetoj kaj eĉ en la faŭko de la dissternita urso-tapiŝo, kaj poste proponis al li tuj, en la sabata vespero, viziti banejon ĉe ili, post kiam la edzo banos sin. "Vi, verŝajne, malofte lavas vin, – ŝi diris senalude. – Ĉu malofte? Konfesu do". Luĵin sombre levis la ŝultrojn, rigardante al la planko, kie okazis leĝera, al sola li rimarkebla moviĝo, nebona diferenciĝo de la ombroj. "Kaj ĝenerale, – ŝi daŭrigis, – necesas reordiĝi". Kaj tiamaniere kreinte la necesan humoron de la aŭskultanto, ŝi transiris al la plej grava. "Diru, – ŝi demandis, – mi pensas, ke vi sukcesis tre malĉastigi mian knabinon? Tiaj, kia estas vi, estas grandaj malĉastuloj. Sed ŝi estas pura, ne simila al la nunulinoj. Diru, ja vi estas malĉastulo, malĉastulo?" "Ne, *madame*", – Luĵin respondis suspire, kaj poste grimacis, rapide skrapis la plankon per la plandumo, viŝante iun, jam tute klaran, densiĝon. "Mi ja vin tute ne konas, – la rapida, sonplena voĉo daŭrigis. – Mi devos enketi, – jes vere, enketi, – ĉu vi ne havas iun malsanon". "Anhelo, – Luĵin diris. – Kaj ankoraŭ – eta reŭmatismo". "Mi ne pri tio parolas, – ŝi seke interrompis. – La afero estas serioza. Vi, evidente, opinias vin la fianĉo, vizitadas nin, restas duope. Sed mi ne pensas, ke baldaŭ povus temi pri geedziĝo". "Kaj pasintjare mi havis hemoroidojn", – Luĵin diris neinterese. "Aŭskultu, mi parolas kun vi pri tre gravaj aferoj. Vi, probable, dezirus geedziĝi jam hodiaŭ, nun. Mi ja konas vin. Poste ŝi estos graveda, vi tuj turmentos ŝin". Luĵin, fortretinte la ombron en unu loko, angore rimarkis, ke malproksime de la loko, kie li sidis, okazas surplanke nova kombino. "Se vi almenaŭ iom interesiĝas pri mia opinio, do mi devas al vi diri, ke mi taksas ĉi geedziĝon absurdo. Krome, vi verŝajne pensas, ke mia edzo financos vin. Konfesu: ja vi pensas?" "Mi estas ĝenita de la kapitalo, – Luĵin diris. – Mi prenus tute nemulte. Kaj al mi oni proponis gvidi ŝakan rubrikon en iu gazeto…" Ĉi tiam la surplankaj malagrablaĵoj fariĝis tiom arogaj, ke Luĵin nevole etendis la manon, por forigi de ombra reĝo la minacon de luma peono. Kaj ĝenerale, ekde tiu tago li evitis sidi en la salono, kie situis tro multaj diversaj lignaj aĵoj, kiuj estis akirantaj tute certajn konturojn, se longe rigardi al ili. Lia fianĉino rimarkis, ke post ĉiu turnira tago li aspektis malpli kaj malpli bone. Ĉirkaŭ liaj okuloj aperis pal-violaj subtonoj, kaj la pezaj palpebroj inflamis. Li estis tiom pala, ke ĉiam ŝajnis esti malbone razita, kvankam, laŭ la fianĉina insisto, li razis sin ĉiumatene. Ŝi senpacience atendis la turniran finon, kaj estis dolore por ŝi pensi, kiom terurajn, malutilajn por lia sano penojn li devas fari, akirante ĉiun poenton. Kompatinda Luĵin, mistera Luĵin... Matene ludante tenison kun germana amikino, aŭskultante la delonge teditajn prelegojn pri la arta historio, en sia ĉambro foliumante la ĉifitajn, variajn librojn, – "Oceanon"[2] de Andrejev, romanon de Krasnov[3], broŝuron "Kiel fariĝi jogo", ŝi konstante konsciis, ke jen nun Luĵin estas profundiĝinta en la ŝakajn kalkulojn, luktas, turmentiĝas, kaj por ŝi estis iom ofende, ke ŝi ne povas kunsenti la turmentojn de lia arto. Ŝi sen duboj kredis je lia genieco, kaj krome ŝi estis konvinkita, ke ĉi tiu genieco ne povis esti limigita nur de la ŝakludo, kiom ajn mirakla ĝi estu, kaj ke kiam la turnira febro pasos, kaj Luĵin trankviliĝos, ripozos, en li aktiviĝos iuj dume nekonataj fortoj, li ekfloros, vigliĝos, kaj montros sian talenton ankaŭ en aliaj sferoj de la vivo. Ŝia patro diris, ke Luĵin estas limigita fanatikulo, sed li aldonis, ke Luĵin certe estas tre naiva kaj tre deca homo. Sed la patrino asertis, ke Luĵin eĉ ne ĉiutage, sed ĉiuhore pli freneziĝas, ke por alienuloj geedziĝo estas laŭleĝe malpermesita, kaj en la unuaj tagoj ŝi kaŝis la neimageblan fianĉon for de ĉiuj siaj konatoj, kio komence estis facila – oni pensis, ke ŝi kun la filino troviĝas en kuracloko, – sed poste, tre baldaŭ, reaperis la samaj homoj, kiuj kutime vizitadis ilian hejmon, – ekzemple: ĉarma olda generalo, ĉiam pruvanta, ke ni priploras ne Rusion, sed la junecon, la junecon; du rusiaj germanoj; Oleg Sergejeviĉ Smirnovskij, teozofo kaj estro de likvora fabriko; kelkaj eksaj oficiroj; kel-

kaj junulinoj, kantistino Vozdviĵenskaja; geedzoj Alfjorov, kaj krome maljuna princino Umanova, kiun oni nomis la pika damo (laŭ la konata opero). Ŝi estis la unua, kiu renkontiĝis kun Luĵin, kaj el la hasta kaj nekomprenebla klarigo de la hejmmastrino konkludis, ke li havas iun rilaton al literaturo, al gazetoj, – koncize dirante, verkisto. "Kaj ĉu vi scias, – ŝi demandis, ĝentile ekiginte literaturan konversacion, – ion el la nova poezio?.. iom dekadencan… io pri cejanoj, "plu cejanoj, cejanoj"… Oleg Sergejeviĉ tuj petis, ke Luĵin ŝakludu kun li, sed bedaŭrinde ŝakoj ne troviĝis en la domo. Junularo kaŝe nomis lin dupo, kaj nur la olda generalo traktis lin kun la plej elkora simpleco, kaj longe persvadadis lin iri rigardi al eta ĝirafido, ĵus naskita en la zoo. De post kiam ekaperis la gastoj, venantaj nun ĉiuvespere en diversaj kombinoj, Luĵin eĉ por momento ne povis resti duope kun la fianĉino, kaj la batalo kontraŭ la gastoj, la strebo penetri tra ilia ĝangalo al la fianĉino, tuj akiris la ŝakan kromguston. Tamen venki ilin evidentiĝis neeble, daŭre aperadis pli kaj pli da novaj, kaj ŝajnis al li, ke ĝuste ili, la sennombraj, senvizaĝaj gastoj, dense kaj varme ĉirkaŭis lin dum la turniraj horoj.

Klarigo pri ĉio okazanta venis en iu mateno, kiam li sidis sur seĝo meze de la hotela ĉambro, kaj provis koncentri la pensojn je la nuro: hodiaŭ necesas gajni kontraŭ Mozer. Subite al li venis la fianĉino. "Estas iu idoleto, – ŝi ekridis, – sidas en la mezo, kaj oni venas al li kun oferdonacoj". Ŝi etendis al li skatolon da ĉokoladaj bombonoj, kaj abrupte la rido malaperis de ŝia vizaĝo. "Luĵin, – ŝi kriis, – Luĵin, vekiĝu! Kio okazas al vi?" "Ĉu realo?" – Luĵin demandis mallaŭte kaj malkonfide. "Certe estas realo. Malbona kutimo estas starigi seĝon meze de ĉambro kaj sidiĝi. Se vi ne rektiĝos tuj, mi foriros". Luĵin, obeante, rektiĝis, movante la kapon kaj la ŝultrojn, poste residiĝis sur la liton, kaj en liaj okuloj ekglitis la ankoraŭ ne tute firmiĝinta, ne tre certa feliĉo. "Diru, kiam ĉi tio finiĝos? – ŝi demandis. – Kiom da partioj restis?" "Proksimume tri", – Luĵin respondis. "Mi legis en hodiaŭa ĵurnalo, ke vi devas venki en la turniro, ke vi ludas ĉi-foje eksterordinare". "Sed ekzistas Turati", – Luĵin levis sian fingron. "Naŭzas al mi", – li aldonis malĝoje. "Tiukaze neniuj bombonoj", – ŝi diris rapide kaj reprenis la kvadratan pakaĵon sub la akselon. "Luĵin, mi vokos al vi kuraciston. Vi ja simple mortos, se ĉio plu pasos tiel". "Ne, ne, – li diris dormeme. – Jam pasis. Kuracisto ne bezonatas". "Ĉi tio malkvietigas min. Tio signifas ankoraŭ ĝis la vendredo, ĝis la sabato daŭros… ĉi infero. Kaj ĉe ni hejme estas sufiĉe malgaje. Ĉiuj konsentas kun la panjo, ke mi ne povas edziniĝi al vi. Sed kial vi sentis naŭzon, ĉu vi ion mismanĝis?" "Ja pasis, absolute", – Luĵin diris lante kaj mallevis la kapon sur ŝian ŝultron. "Vi simple tre laciĝis, povrulo. Ĉu vi vere hodiaŭ ludos?" "Je la tria. Kontraŭ Mozer. Mi ĝenerale ludas… Kiel oni diris?" "Eksterordinare", – ŝi ridetis. La kapo, kuŝinta sur ŝia ŝultro, estis granda, peza, – altvalora aparato kun la komplika, mistera mekanismo. Kaj post unu minuto ŝi rimarkis, ke li endormiĝis, kaj ekpensis, kiel remeti lian kapon sur iun kusenon. Per tre atentemaj movoj ŝi sukcesis tion fari; jen li duonkuŝis sur la lito, malkomforte kurbiĝinte, kaj la kapo sur la kuseno ŝajnis vaksa. Por momento ŝin trafis teruriĝo, ĉu eble li subite mortis, ŝi eĉ tuŝis lian manon, molan kaj varman. Ŝi rerektiĝis, kaj sentis enŝultran doloron. "Peza kapo", – ŝi flustris, rigardante al la dormanto, kaj mallaŭte eliris el la ĉambro, forportante sian malsukcesan donacon. La ĉambristinon, renkontitan en la koridoro, ŝi petis veki lin post unu horo, kaj, sensone malsuprenirinte laŭ la ŝtuparo, direktiĝis laŭ sunplenaj stratoj al la tenisa klubo, – kaj kaptis sin je la penso, ke ŝi daŭre strebas ne brui, ne moviĝi akre. La ĉambristino ne devis veki lin – Luĵin vekiĝis mem, kaj tuj komencis streĉe rememoradi la belegan sonĝon, kiun li vidis, – sciante laŭ la sperto, ke se tuj ne ekrememori, poste jam ne plu eblos. Do li sonĝis, ke li sidas strange, – meze de la ĉambro, – kaj neatendite, kun sensenca kaj graca subiteco, kiun la sonĝoj posedas, eniras lia fianĉino, pasigante skatolon, ligitan de ruĝa rubandeto. Ŝi ankaŭ estas vestita konforme al la sonĝa modo, – blanka robo, senbruaj blankaj ŝuoj. Li volis brakumi ŝin, sed subite eknaŭzis al li, la kapo ekŝanceliĝis, sed la fi-

anĉino intertempe rakontis, ke eksterordinare oni skribas pri li en gazetaro, sed ke la panjo tamen ne volas, ke ili geedziĝu. Probable, estis ankoraŭ multaj, multaj aferoj, sed la memoro ne sukcesis atingi la forglitantajn erojn, – kaj strebante almenaŭ ne perdi tion, kion li sukcesis elŝiri el la sonĝo, Luĵin singarde ekmoviĝis, glatigis la harojn, sonoris por ke oni portu al li tagmanĝon. Post la tagmanĝo li devis ludi, kaj ĉi-tage la mondo de ŝakaj imagoj vidigis la teruran influon. Li ludis kvar horojn senintermite kaj gajnis, sed dumvoje, kiam li jam sidiĝis en motortaksion, li forgesis kien li veturas, forgesis kiun adreson li legigis al la ŝoforo ("…vin vespere"), kaj scivoleme atendis, kie la aŭto haltos.

***NOTOJ***

1. *Nabokov atentigis, ke Luĵin, la familinomo de la protagonisto, rimiĝas kun la angla vorto "iluzio" ("illusion"). La mondo de Luĵin estas multfaceta, sed sendube, ĝi grandparte estas iluzia.*

2. *"Oceano" (1911) – dramo de Leonid Andrejev. "Oceano" en multaj lokoj paralelas al "Defendo de Luĵin". Ĉefa protagonistino provas savi la amaton, mariston, kiun obsedas lia peza pasinteco. Li restas en ŝia "sonĝa mondo", kaj forgesas sian piratan metion. Tamen la fatala oceano vokas lin, samkiel Luĵin estas sorĉata de la ŝakoj.*

3. *Pjotr Nikolajeviĉ Krasnov (1869 – 1947), verkisto, partoprenanto de la blanka movado. Li priskribis la pasintecon de Rusio en pluraj romanoj – "De dukapa aglo al ruĝa flago" (1921), ktp.*

***tradukis kaj komentis Gr.Arosev***



# "Saliko"

## *Sendependa Arta Literatura Konkurso*

Vi ankoraŭ havas tempon por partopreni la konkurson! Ni rememorigu ĉefajn detalojn:

**B r a n ĉ o j :**

1) **poezio originala** (versaĵoj, poemoj);

2) **prozo originala** (rakontoj, noveloj, romanoj);

3) **poezio tradukita el la rusa en Esperanton** (tradukoj de ajnaj ruslingvaj versaĵoj, poemoj aŭ kantoj);

4) **poezio tradukita el Esperanto en la rusan** (tradukoj de ajnaj E-lingvaj versaĵoj, poemoj aŭ kantoj);

5) **prozo tradukita el la rusa en Esperanton** (tradukoj de ajnaj ruslingvaj rakontoj, noveloj, romanoj);

*NB! Por la branĉoj 3, 4, 5 – se vi povas, bonvolu kunsendi la originalon.*

6) **parodio** (versforma). Bonvolu kunsendi la parodiatan verkaĵon.

*7) **artikolo aŭ eseo** (libera temo).*

**L a k o n d i ĉ o j**

Bonvolu subskribi viajn konkursaĵojn per pseŭdonimo. Se vi sendos la konkursaĵojn paperpoŝte, tiam en la koverton enmetu slipeton kun via aŭtenta nomo kaj adreso. Se vi sendos rete, ne necesos tion fari.

Sendu ĉion al ***117071, Moskva, ab/ja 31*** aŭ al la reta adreso ***<konkurso@land.ru>.***

Retpaĝo de "Saliko" – *<http://konkurso.port5.com>*.

Rajtas partopreni: ĉiuj, kiuj sentas sin ankoraŭ ne sperta verkisto.

La senditaj konkursaĵoj ne estu antaŭe publikigitaj – por konservi la plenan anonimecon dum la pritaksado.

La limdato por sendi viajn verkojn estas ŝanĝita: vi havas eblecon fari tion ĝis la **15-a de februaro 2002**.

La anonco de la rezultoj okazos dum solena ceremonio **enkadre de EoLA en Ĉeboksari**.

La laŭreataj verkoj aperos en **REGo**, **Monato** kaj (eble) en speciale eldonota libro kun konkursaĵoj de "Saliko".

***Viaj ajnaj demandoj estas kore bonvenaj ĉe la samaj adresoj (vidu supre).***

# DIVERSAĴOJ

**Estimataj legantoj de REGo!** La pasinta jaro estis por la gazeto eksperimenta. Unu el la aferoj, kiujn ĝi devis montri, estis la ofteco, kun kiu povas aperi REGo. Ĉiuj antaŭaj numeroj de nia gazeto aperadis kun la intervalo du monatoj. Sola escepto estis la somero 2001, kiam unufoje la intervalo estis tri monatoj. Ĝuste pro tiu kazo en la pasinta jaro sukcesis aperi nur 5 numeroj de REGo. Tamen la praktiko montris ke dumonata ofteco estas normala kaj reala. Tial ĉi-jare aperos 6 numeroj de REGo. Pli ofta aperado estas malfacile atingebla kaj eĉ ĉe la sukceso rezultigos malpli abundan enhavon de la gazeto, ĉar ĝuste du monatoj evidentiĝis taŭga periodo por kolekti sufiĉe da materialoj kaj fari la gazeton ampleksa kaj interesa. Kompense al nesufiĉa kvanto de pasintjaraj numeroj ĉiuj abonantoj-2001 ricevos ankaŭ la du unuajn numerojn de tiu ĉi jaro. Sed se vi volas ricevi en 2002 pli ol du numerojn, bonvolu ne forgesi sendi aŭ transdoni vian kotizon por REU aŭ REJM, aŭ (se vi ne estas membro de iu el tiuj organizaĵoj) la REGo-abonkoston por 2002. Dankon pro via intereso al nia gazeto! Mi esperas ke vi restos kun REGo ankaŭ en tiu ĉi kaj sekvaj jaroj.

***Garik Kokolija, la redaktoro***

## ENIGMO

### AMANTAJ PAROJ

*Vi vidas liston de 16 personoj, kiuj konsistigas 8 amantajn parojn. Dekomence provu parigi la disigitajn amantojn. Poste priatentu tiujn nombrojn, kiujn vi vidas apud ĉiu nomo. Adiciu la nombrojn de ĉiu paro aparte. En ĉiu paro vi ricevos sumon, kiu respondas al certa litero de Esperanta alfabeto. El tiuj literoj provu kunmeti la vorton.*

| | |
|---|---|
| ADAMO (3) | KLEOPATRA (4) |
| IO (10) | KONSTANCA (17) |
| JULIA KAPULETTI (5) | NARCISO (12) |
| MARKO ANTONIO (20) | ROMEO MONTEKKI (11) |
| ZEŬSO (9) | ODISEO (5) |
| EVA (3) | PETRARKO (6) |
| NARCISO (6) | PENELOPA (0) |
| D'ARTANJANO (2) | LAŬRA (13) |

***preparis Tatjana Auderskaja (Odeso)***

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://reu.da.ru>.

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@chat.ru>; plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str.Smirnova 87 – 16, 153034 Ivanovo; retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@inter.nl.net>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.





… Kaj denove ni devas nigrigi la kovrilpaĝon de nia gazeto. La 18-an de decembro aŭtoakcidente pereis Oleg Kuznecov.
Oleg estis vera esperantisto kaj bonega homo. Ĉiuj konintaj lin samideanoj (kaj verŝajne ne nur) opiniis Oleg sia amiko. Kun li ne eblis kvereli aŭ malamiki.
Li ŝategis Esperanton sincere kaj sindone. Lia Esperanta agado iĝis precipe aktiva dum lastaj jaroj. En 2001 li estis elektita kiel REU-komisiito. Ekde la apero de REGo li surprenis ĉiujn zorgojn pri la tipografia flanko de la gazeto-produktado. Kaj ĝuste lin devas danki la legantoj pro inda aspekto kaj ĝustatempa apero de la gazeto.
Lasta eldonaĵo produktita de Oleg en la tipografio estis la Jarlibro de REU. Li klopodis finfari ĝin al la Kongreso kaj alveturigis la pretan eldonkvanton al mi sabate, la 8-an de decembro, 10 tagojn antaŭ la terura okazaĵo.
En la nomo de Rusia Esperantista Unio kaj la gazeto REGo mi kondolencas ĉiujn parencojn kaj amikojn de Oleg Kuznecov. Kun ni restas hela memoro pri li kaj la filo Ilja, al kiu Oleg instruis bonkorecon kaj Esperanton.

***Garik Kokolija***


***REGo*** (Rusia Esperanto-Gazeto) *№ 1 (8) januaro 2002*

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *retpoŝto:* <gazeto@mail.ru>

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 123310 Moskvo, Rusio

*por tiu ĉi numero kunlaboris* Viktor Aroloviĉ

*la gazeto estas presita en la tipografio* “Policvet” (Klin)

***abontarifoj por 2002:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 100 rubloj sendendaj al:*

Георгий Владимирович Droколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*